# REGO

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo* **№ 4 (89) aŭgusto 2015**






**Moskvo, 2015**

## enhavo






*Aleksandr Blinov – la ĉeforganizato de RET*


# REGo

(Rusia Esperanto-Gazeto)

№ 4 (89) aŭgusto 2015

aperadas ekde 2000

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio

*retadreso:* gazeto@mail.ru

**abontarifoj por 2015:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 680 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

**elektronika abono** – 350 rub. (10 eŭr.)

## STATISTIKO DE RET



La 14-an – 21-an de julio 2015 okazis Rusiaj Esperanto-Tagoj (RET-2015) en la urbo Jadrin (Rusio, Ĉuvaŝa Respubliko) en la ripozbazejo "Surskije Zori". Entute partoprenis 60 registritaj personoj, kiuj noktumis almenaŭ dum unu nokto: Hispanio – 4, Svisio – 3, Latvio – 3, Finnlando – 1, Rusio – 49 (Ĉeboksari – 14; Moskvo – 8; Koroljov – 5; Arĥangelsk, Krasnojarsk, Soĉi, Ŝumerlja – po 3; Novoĉerkassk – 2; Kanaŝ, Liskovo, Niĵnij Novgorod, Novoĉeboksarsk, Rostov-na-Donu, Tiĥvin, Tomsk, Vladimir – po 1). Enkadre de RET-2015 la 18-an – 19-an de julio okazis ankaŭ la 28-a Konferenco de Rusia Esperantista Unio (REU), en kiu registriĝis kaj partoprenis 23 delegitoj.

***(esperanto-rus-informoj)***

## RUSIAJ ESPERANTO-TAGOJ EN SURSKIJE ZORI

Someraj E-aranĝoj vere multas, kaj la fakto mem ĝojigas, ĉar tio pruvas ke la E-mondo allogas per sia varma kaj amikeca etoso, kaj la jam pasinta E-renkontiĝo lasas nekredeble nostalgian senton, kiu daŭras ege longe. Ĝuste tion mi spertis, kiam partoprenis en RET (Rusiaj Esperanto-Tagoj), kiu ĉi-jare okazis en la belega bazejo "Surskije Zori" sur la dekstra bordo de la rivero Sura en Ĉuvaŝio.

La temo de ĉi-jara aranĝo estis "Multlingva Rusio". Enkadre de la ideo de multlingveco la unua vespero estis dediĉita al la enscenigo de kvar popolfabeloj (en la kalmuka, la oseta, la udmurta kaj la avara) – la teatraĵetoj sukcesis, ege amuzis la spektantojn kaj la aktorojn mem. Krom tio ĉiuj partoprenantoj ricevis ĉarmajn tasojn kun la surskribo "Esperanto estas la dua lingvo post la gepatra".



Laŭ mi la aranĝo enhavis amason de diversspecaj aferoj por kontentigi la homojn kun malsamaj gustoj kaj interesoj: E-kursoj, ekspreskurso de la ĉuvaŝa far A.Blinov, koncertoj de Mikaelo Povorin, Aleksandr

Ĥrustaljov kaj Evelina Sokolova, sportaj ludoj (granda teniso kaj preferanco kun Vladimir Minin sukcesis multe), amuzaj dancoj kun Irina Romanova, la prezentado de ĉuvaŝaj muzikinstrumentoj, la vizito al ĉevalbredejo kaj multaj seriozaj, tamen interesaj prelegoj – de Nikolao Gudskov, Ektor Alos i Font, Andrej Grigorjevskij, Aleksandr Blinov, Vladimir Bespalov kaj Vladimir Minin.

Artur Grigorjev okazigis "homlupojn", bonega ludo por tiuj kiuj volas praktiki siajn logikajn aŭ eĉ psikologiajn kapablojn aŭ simple amuziĝi. La poezia vespero estis ege interesa, multaj homoj partoprenis kaj preskaŭ ĉiu dua legis siajn proprajn versaĵojn. Valentin Melnikov, Andrej Teravainen kaj Aleksandr Mitin vere bravulas kiel esperantistoj-verkistoj! Krom tio sukcese pasis teatraĵetoj, precipe unu skeĉo, reĝisorita de Andrej Teravainen, kies aktorado estis vere impresa.

Kaj certe estis multaj aliaj neforgeseblaj momentoj, sed, ve, ne eblas mencii ĉion. Mi plezure lasu tion al la aliaj partoprenintoj de RET.



Kaj nun mankas al mi tiu etoso, kaj mankas tiuj ĉarmaj homoj kun kiuj mi amikiĝis kaj estis kune dum unu semajno. Sed ni certe renkontiĝos denove ie en E-medio, ĉar E-renkontiĝoj ja multas!

***Tatjana Stepanova (Ĉeboksari)***

## IMPRESOJ PRI RET

Estis mia kvara granda Esperanto-renkontiĝo, sed nur la unua RET. Dume okazas tiel, ke neniu aranĝo por mi ripetiĝas: nek per nomo, nek per loko. Do ankaŭ neniam ripetiĝas la impresoj, ĉiu renkontiĝo por mi ankoraŭ diferencas de la aliaj. Kaj la unuan fojon mi vizitis kongreson en najbara regiono, kaj antaŭkongreseton en mia hejmurbo.

Antaŭ la kongreso okazis malgranda renkontiĝo en Niĵnij Novgorod, kaj mi estis la sola lokano inter partoprenintoj. Tagon antaŭ foriro al la kongresejo la grupo de esperantistoj aĉetis biletojn por la buso, kaj poste ni kvarope ekpromenis tra la centro de Niĵnij – estis Svetlana Smetanina, Vladi-

mir Minin kaj Aleksandr Lebedev. Ni iris laŭ unu el supraj kajoj, ĉefa placo, nomata honore al Minin kaj Poĵarskij, en la kremlo de Niĵnij Novgorod, poste malsupreniĝis al la loko de Minina alvoko, revenis supren kaj fine – promenis laŭ nia piedira strato. Vladimir Minin interesiĝis pri sia samnomulo kaj fotis sin kun monumentoj al Kozjma Minin. Post la promeno, kiam ni sidis en manĝejo, al mi telefonis alia esperantisto – Artur Grigorjev: li iris al la busstacio, kie ni aĉetis biletojn, por fari la samon. Ni renkontiĝis tie kaj ekpromenis laŭ la sama itinero. Sekvan tagon ni sepope (estis ankaŭ Valentin Melnikov kaj Irina Mironova) per buseto iris al la najbara Ĉuvaŝio.




La kongreso mem okazis en belega loko kun apudaj arbaro kaj rivero, kaj eĉ ĉevalbredejo, kien estis ekskurso (bedaŭrinde, mi ne sukcesis partopreni). Kio estis malbona – la vetero: eĉ en Niĵnij la unuan tagon de la "antaŭkongreseto" mi eĉ ne eliris el la hejmo. Kaj kiam ni venis al la kongresejo, en mia ĉambro estis nur 17°C sur pendanta termometro. Sed jam post du tagoj sufiĉe plivarmiĝis, kaj la homoj forkaŝis varmajn vestaĵojn. Iuj eĉ kuraĝis naĝi.

RET-on vizitis homoj de ĉiuj aĝoj: infanoj (gefiloj de esperantistoj), junuloj, mezaĝaj homoj, emeritoj... Kaj neniu generacio superregis. Do programeroj estis tute diversaj, ankaŭ diversa estis vespera tempopasigo: estis kaj novaj ludoj, kaj kantado de tre famaj esperantistaj kantoj. Mi mem ankaŭ sukcesis pasigi la tempon diverse: paroli kaj ludi kun samaĝuloj, aŭskulti veteranojn kaj eĉ futbali kun estontaj E-istoj, nunaj lernejanoj. Fakte, estis unu el plej bonaj momentoj por mi dum RET: min ege lacigis mia "sida" vivo, do necesis iom rememori, kio estas pilko. Dume mi min sentis duoble pli juna, aŭ eĉ pli.



La tagordon konsistigis Esperantaj kursoj, kunsidoj, diskutrondoj, prelegoj kaj ekspreskurso



de la ĉuvaŝa lingvo fare de Aleksandr Blinov. Vere strangas, ke ni, lernante okcidenteŭropajn aŭ aziajn lingvojn, scias tute nenion pri lingvoj de niaj enlandaj najbaroj. Plimulto de miaj samurbanoj, loĝante en la regiono, kiu limas kelkajn respublikojn, scias neniun vorton el ĉirkaŭaj lingvoj: la du mordvaj, la maria, la ĉuvaŝa... Dum la kurso ni eksciis iom kaj pri leksiko, kaj pri gramatiko de la ĉuvaŝa. Tie estis tre nekutima afero: ni skribis novajn vortojn per la cirila alfabeto, kaj la tradukon – per la latina (ja la kurso, certe, estis en Esperanto). Plej ofte okazas kontraŭa situacio.

La lastan tagon okazis ekskurso tra Ĉeboksaro. Al mi plaĉis tiu urbo, kiun mi antaŭe dufoje vizitis. Urbo, kies centro pliboniĝis dum lastaj 20 jaroj. Urbo de akvo, pontoj, montetoj kaj multegaj trolebusoj, kiuj iras unu post la alia.

Dankon al la organizantoj pro bonaj impresoj pri RET!

***Aleksandr Mitin (Niĵnij Novgorod)***

## ALIĜADO AL LA 101-A UK EN NITRO KOMENCIĜIS



La 101-a UK en la slovaka urbo Nitro (23-30 julio 2016) akceptis la unuajn aliĝojn dum la 100-a UK en Lillo, kie ĉiu kongresano trovis aliĝilon en sia kongresa sako. La papera aliĝilo estos dissendita kun la septembra numero de la revuo *Esperanto,* kaj eblas peti ĝin, ankaŭ grandkvante, de la Centra Oficejo de UEA aŭ elŝuti ĉe la kongresa retejo <http://www.uea.org/kongresoj>. Plej facile tamen oni povas aliĝi per la reta aliĝilo <http://www.uea.org/kongresoj/alighilo>.

La aliĝkotizoj restas la samaj kiel por la jam tri antaŭaj UK-oj. La plej favorpreza aliĝperiodo daŭros ĝis la 31-a de decembro 2015. La kotiztabelo troviĝas en la papera aliĝilo kaj en la kongresa retejo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UK-100: OPINIOJ DE NEINDIFERENTA PARTOPRENINTO



***Mikaelo Bronŝtejn** estis la unua rusia aliĝinto (krom Vladimir Samodaj, Honora Membro de UEA, kiu estis enlistigita aŭtomate) kun la kongresa numero 146 al la jubilea UK, okazinta en Lille (Francio) 25-an de julio – 01-an de aŭgusto 2015. Ni intervjuis Mikaelon post lia reveno el Francio.*

***REGo***: Dank' al la publikigitaj raportoj la legantoj de REGo estas informitaj, ke vi multfoje vizitis Francion kaj i.a. la urbon Lille. Kial do inter multaj eblecoj vi denove elektis Lille?

***MB***: Mi havas nur unumonatan feriadon jare, sed la invitoj vere multas. Ĉi-julie mi devis elekti inter REU-Konferenco en Ĉebo, ILEI-konferenco en Ostendo kaj UK en Lille, ĉar parton de mia feritempo mi elspezis januare por vojaĝo al Koreio. En la gastama Lille mi estis trifoje, ankaŭ en la proksimaj vizitendaj urboj, kiel Bulonjo, Bruĝo, Gent… kaj entute mi ne opinias min turisto. Mi elektis UK-on ankoraŭ en aŭgusto 2014, ĉar ne partoprenis en tiuj post 2009. Ĉar UK kiel la plej grava ĉiujara manifestacio de nia movado montras, kiaj ŝanĝoj okazis intertempe. Ĉar inter la 2695 aliĝintaj kongresanoj almenaŭ kvincent estas miaj bonaj amikoj aŭ konatoj. Nu, simple, ĉar 100 estas bela nombro… Cetere, tiam mi ne sciis pri la okazonta Konferenco de REU, kaj mi ege bedaŭras, ke mi ne sukcesis partopreni en tiu. Eble, mia opinio povus influi kelkajn decidojn.

***REGo***: Do vi aliĝis memstare kaj iris al Lille, ne engaĝita en la programon de UK, ĉu ne?

***MB***: Tamen ne. Kvankam mia propono pri la koncerta programo estis ignorita, mia prelego estis akceptita en la programon de IKU.

***REGo***: Pri kio temas?

***MB***: Pri la rusianoj en la Esperanto-poezio. Mi supozas, ke pli ol kvardek procentoj de la monda kontribuo al nialingva poezio estas farita de la rusianoj, do la temo estas vasta kaj interesa.

***REGo***: Ĉu vi havis bonan publikon?

***MB***: Ho jes, verŝajne pli ol cent kvindek aŭskultantojn. Tre bona salono, teknikaj ekipaĵoj preskaŭ perfektaj. Mankis nur ebleco demonstri filmetojn kun sono. Pro tio mi ne prezentis parton de la prelego, dediĉitan al

niaj bardoj: Marija Koĉetkova, Andreo Obrezkov, Dina Lukjanec. Bedaŭrindas, ĉar ja ankaŭ ilia verkaro estas ne malgrava parto de nia poezia kulturo. Sed mi estas kontenta pri mia prelego, ĉar estis videbla pozitiva reago de la ĉeestantoj.

Krom la prelego mi havis ankaŭ la aŭtoran duonhoron, en la Libroservo, vizititan de pli ol 50 personoj. Pli multaj venis nur al la aŭtora duonhoro de Marjorie Boulton.

***REGo***: Ĉu ankaŭ ŝi venis?!

***MB***: Ŝi venis! La vojo ne estas longa, nur horo kaj duono per trajno en la tunelo, sed ŝia aĝo… Brila virino! Pli ol naŭdek, sidanta en rulseĝo, pene parolanta, sed plenkonscia kaj konservinta perfektan humursenton! Mi estis ravita.

***REGo***: Ĉu vin ne tro ofendis la ignoro de via koncerta propono?

***MB***: Tute ne ofendis. Maje en Stokholmo mi parolis kun Ĵomart kaj Nataŝa – eĉ ilian proponon la organizantoj ignoris, do ili ne venis al Lille. Mi venis, sed sen gitaro. Cetere, por unu tago antaŭ UK mi estis insiste invitita al la konferenco de ILEI por prelegi kaj koncerti; tie por mia koncerto oni trovis bonegan gitaron. Kaj pri la ignorado: Georgo Handzlik kaj Ĵak Le Puil partoprenis UK-on sen koncerti samkiel mi. Mi povas kompreni la decidon de la organizantoj. Ili donis avantaĝon al junaj artistoj… sed tiuj prezentis sin, ve, sur ege malkomforta podio. Verŝajne, mi eĉ ne riskus kanti tie.



***REGo***: Ĉu estis io speciala?

***MB***: Speciala, jes. La Arta Kafejo, kiun kungvidis Handzlik kaj mi en Bjalistoko, estis etosplena. La podio en Lille estis nenia. Imagu do vastegan malferman terenon, nomitan "salono Michaux": tie estas ŝtuparoj al la malsupra kaj la supraj niveloj de la kongresejo vere grandioza, tie situas ankaŭ neapartigita kafejo, diversaj tabuloj por anoncoj, do ĉiuj du mil sepcent kongresanoj konstante cirkulas tien-reen sur tiu ĉi tereno. Bruego – normala por tia loko, sed neimagebla por koncertejo. Tamen

en iu angulo de la tereno estas aranĝita podio kun cento da seĝoj apude. Muziko el laŭtparoliloj, certe, estis pli-malpli aŭdebla, sed vortoj de la kantistoj – apenaŭ…

***REGo***: Por la bardkanto, kie la vortoj plej gravas, la situacio malkonvenas. Ĉu la ĝenerala impreso pri la UK estis fuŝita pro tio?

***MB***: Ho ne! La kongreso en sia tuto estis bonega. Iom enua por mi, ĉar mi ŝatus havi pli da laboro ol mi havis. Sed mi bonuzis la tempon, vizitante multajn programerojn. Okazis tre interesaj prelegoj enkadre de IKU kaj dum la Kleriga lundo. Pli abunda ol kutime estis la teatra programo kun kelkaj bonaj prezentaĵoj. Furoris nia pianisto Andrej Korobejnikov; por sia koncerto li elektis verkojn de Brahms, Raĥmaninov, Schopin k.a., miaopinie pli facilajn por percepto de ordinara publiko ol tiuj, kiujn li prezentis pasintjare en Tiĥvin. La publiko estis ege kontenta. JoMo koncertis kelkfoje, dancigante eĉ nejunajn kongresanojn, Asorti koncertis kun kutima kantri-programo, Martin kun Talpoj, La Kompanoj, Maragan', Zhou Mack, Eruda Li... En la Libroservo okazis 29 aŭtoraj duonhoroj, imagu! Mi vizitis pli ol duonon de tiuj.



***REGo***: Efektive, la kvanto de verkistoj estas impresa.

***MB***: Bedaŭrinde, la prezentadoj aspektis iom fuŝitaj en la fino, kiam la publiko demandis la verkistojn pri aĉetebleco de ties vekrkoj. Antaŭ mia prezentado mi traserĉis ĉiujn tablojn en la Libroservo, sed trovis nur tri miajn librojn por montri al la homoj; miaj KD-oj entute mankis sur la tabloj. Mi kuris al la mastro, por diri: "Ionel, ja mi proponis venigi miajn librojn kaj diskojn por la Libroservo, sed vi diris, ke vi ĉion havas!" "Mi ĉion havas, jes, – li respondis. – Sed ĉio kuŝas en kestoj, ĉar mi ne havas helpantojn por malpaki". Nu! Do al la demandoj de mia publiko, kie oni trovu miajn librojn kaj diskojn, mi devis respondi: "Ataku Ionel, li ĉion havas...".

La samon spertis ne nur mi, kaj, certe, tio kaŭzis malprofiton por la Libroservo. Se ĉiu aŭtoro por sia duonhoro havus apude la tablon kun siaj

verkoj, preparitan de la Libroservo anticipe, sendube la publiko pli verve aĉetus tuj post persona konatiĝo kun la aŭtoro. Mi opinias, ke la aŭtoroj mem ne rifuzus helpi la Libroservon pri aranĝo de tia tablo.




***REGo***: Ene de tiom riĉa kongresa programo ĉu vi tamen havis paŭzetojn por fari ion ekster la kongresejo?

***MB***: La programeroj (krom du miaj) estis nedevigaj por mi, mi povis mem organizi mian tempon, kaj foje profitis tion. Ekster Lille Grand Palais (la kongresejo) la rusianoj festis la 80-jariĝon de Samodaj, konstatinte kun plezuro, ke Vladimir Vladimiroviĉ restas vigla, gaja, humurema kaj bonhumora. Alitage Krizantemo, japanino, kies kunlaboron mi ĝuis dum preparado de la televida filmo pri Eroŝenko, invitis negrandan kompanion por tagmanĝo en japana restoracio. Samodaj, Korobejnikov, Spomenka Ŝtimec – ege agrabla kompanio, ĉu ne?

***REGo***: Oni informis, ke ukrainiaj esperantistoj sendis al UEA proteston kontraŭ la decidoj de REU rilate al Krimeo, kaj ricevis respondojn de la prezidanto kaj ĝenerala direktoro de UEA. Ĉu tiuj ĉi eksterprogramaj eventoj tuŝis la kongresanojn?

***MB***: Certe, multaj kongresanoj ne estas indiferentaj al evoluo de la eventoj en Ukrainio kaj aparte al la Esperanto-movado en Krimeo. Mi devis respondi al aro de la demandoj, kaj mi prezentis mian opinion. Mi persone opinias tiujn decidojn de REU-Konferenco, mildadire, ne ĝustatempaj. Eĉ, mi diru, defiaj por UEA, ĉar ties agado baziĝas sur la decidoj de UN, kaj la decidoj de UN rilate al Krimeo estas konataj. Do la respondo de UEA estis senpene prognozebla.

***REGo***: Ĉu la jubilea UK havis ion eksterordinaran kompare kun la antaŭaj kongresoj, kiujn vi partoprenis?

***MB***: Ĝi estis la plej amasa UK de la 21-a jarcento. Tio ĝojigas, ĉar post ok kongresoj kun malpli ol du mil aŭ eĉ malpli ol mil partoprenantoj la esperantistoj montris, ke tamen la movado pluvivas.

Ne nur LKK, sed, miaopinie, ĉiuj francaj esperantistoj fervore laboris por tiu mondskala aranĝo, kaj tio rezultigis bonegan eksteran informadon en la urbo kaj en la lando, tre komfortajn servojn por la kongre-

sanoj, eble krom partopreno en la plej amasaj aranĝoj, kiel Solenaj Malfermo kaj Fermo, Nacia kaj Internacia vesperoj. Verŝajne, ne multas kongresejoj, kie la ĉefa salono havas tri mil sidlokojn. Sekve normala solvo estas loki la kongresanojn ankaŭ en apudaj salonoj, kie ili povu spekti la aranĝojn surekrane. Sed mi opinias, ke almenaŭ la kongresa kotizo por tiuj kongresanoj (iom kompatindaj, ĉar ankaŭ hejme eblus spekti surekrane) devas esti reduktita. Certe, LKK pri tio ne respondecu – estas UEA, kiu devas decidi.

Koncerne la kongresan programon – nenio eksterordinara. La ferbetona programskeleto ne bone viviĝas eĉ kun freŝa karno. Por certa parto de la kongresanoj, veninta ekskursi kaj ĝui la vesperan programon, tio, eble, ne gravas, sed por mi…

Vidu, ekzemple, dum la Solena Fermo venas geĉarmuletoj de la Infana Kongreseto por saluti, ili havas kortuŝan spektaklon, sed ricevas nur kvin (!) minutojn en la programo, oferata al pli-malpli tedaj kaj enuaj paroladoj.

Mi supozas, ke UEA bezonus lertan reĝisoran teamon, kiu, konatiĝinte kun lokaj kondiĉoj, kunlabore kun LKK ĉiufoje zorgu refreŝigi kaj la programon en tuto, kaj la apartajn programerojn. Tio logos multajn samideanojn, kiuj nun kun certagrada praveco opinias UK-on formala kaj enue amatoreca aranĝo.

***intervjuis Georgij Kokolija***



## DECIDOJ DE LA 28-A KONFERENCO DE RUSIA ESPERANTISTA UNIO

La konferenco de REU okazis la 18-an – 19-an de julio 2015 en la bazejo "Surskije Zori", Ĉuvaŝio.

Kiel Prezidanto de REU estis reelektita Svetlana Smetanina.

Krom la Prezidanto, en la Estraron eniris: Nikolaj Gudskov (vicprezidanto), Mikaelo Bronŝtejn, Mikaelo Ĉertilov, Aleksandr Mitin, Valentin Melnikov.

Jenaj homoj estis komisiitaj: Aleksandr Blinov – pri etnaj kaj lingvokulturaj problemoj; Sergej Maksimov – por scienc-teknika komisiono; Viktor Aroloviĉ – pri dokumentaro; Ilja Muravjov – pri komputikaj aferoj; Vladimir Minin – pri laboro en regionoj.

En la Kontrol-revizian Komisionon estis elektitaj: Valentin Seguru (prezidanto); Jelena Kuznecova; Boris Zozulja.

Kiel Komitatano A de UEA estis elektita Svetlana Smetanina.

La Konferenco rekomendis al la Ĉefdelegito rekomendi al UEA kiel lokaj Deligitoj personojn, kiuj estu membroj de REU.

Dum la Konferenco estis akceptita la nova redakcio de la Statuto de REU, bazita sur novaj leĝoj de Rusia Federacio.

La Konferenco decidis:

1. esprimi dankon:

– al Georgij Kokolija pro REGo;

– al Viktor Aroloviĉ pro laboro super la nova redakcio de la Statuto;

kaj maldankon al Roman Bolŝakov pro malbona laboro en la eksa Estraro;



2. doni apogon por rekrei ILEI-sekcion en Rusio;

3. komisii al la nova Estraro okupiĝi pri kursfinintoj kunlaborante

kun samideano Konstantin Olŝin;

4. krei la Komisionon pri eksteraj rilatoj;

5. apogi kreon de Esperanta centro en Krimea Respubliko kaj registri ĝin kiel regiona organizo de REU;

6. organizi tutrusian Esperanto-aranĝon en Krimeo en la sekva jaro;

7. sendi membrokartojn en elektronika formo al ĉiu membro, kiu volas ĝin ricevi. Kiel escepto, sendi printitajn membrokartojn al tiuj, kiuj ial ne povas ricevi tion en elektronika formo;

8. pro la situacio pri la strato Esperanto en Kazano: sendi protestan leteron de REU al la urbestro de Kazano kaj alian leteron al la Komitato de UEA kun peto apogi agadon de kazanaj esperantistoj.

***(esperanto-rus-informoj)***

## ESTRARO DE REU INFORMAS

Per la plejmulto da voĉoj estas kooptita al la REU-Estraro s-ino Jekaterina Aleksejeva el Kazanj, 22-jara filologino, membro de Esperanto-Asocio de Tatario. Ŝi respondecos pri junulara agado (REJM). Gratulojn al Jekaterina kaj sukcesan agadon en la regiona kaj landa skaloj!

La Estraro de Rusia Esperantista Unio kore gratulas novajn kaj malnovajn estraranojn, kiuj estis elektitaj dum la 28-a REU-Konferenco en la urbo Jadrin julie 2015. Novajn aktivaĵojn kaj sukcesojn!

Apartajn gratulojn al jenaj personoj, kiuj estis elektitaj al internaciaj gvidorganoj:

Arina Osipova (Jekaterinburg) – ĝenerala sekretario de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo);

Jelena Nadikova (Ĉeboksari) – estraranino de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistoj-Instruistoj);

Abduraĥman Junusov (Maĥaĉkala) – estrarano de TEĴA (Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio).

Plurajn sukcesojn en laboro sur internacia nivelo!



Iom da statistiko. Somere de 2015 okazis kelkaj gravaj aranĝoj, kie abunde partoprenis rusiaj esperantistoj:

– RET en Ĉuvaŝio, Jadrin – ĉ. 60 partoprenantoj.

– 48-a ILEI-Konferenco en Oostende (Belgio) – 5 personoj.
– 100-a UK en Lille (Francio) – 51 personoj.
– 71-a IJK en Wiesbaden (Germanio) – ĉ.10 personoj.

Espereble aperos impresoj pri partopreno, interŝanĝo de sperto kaj novaj ideoj, kiujn ni povos ĉerpi de partoprenintoj.

Kelkaj anoncoj:

– Kluboj kaj regionaj organizoj, kiuj ĝis nun ne sendis siajn protokoloj lige kun reregistro de REU ĉe la Ministerio de justico, bonvolu urĝe fari tion. La detalojn bonvolu peti ĉe N.Gudskov aŭ S.Smetanina.

– Atendatas proponoj kaj sinproponoj por la vaka posteno de la REU-kasisto. Bonvolu turni vin al la Estraro de REU.

– Akceptatas proponoj kaj sinproponoj de la kluboj kaj regionaj organizoj pri organizo de RET (Rusiaj Esperanto-Tagoj) en 2016.

***Svetlana Smetanina (Moskvo)***

## REZOLUCIO
## DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

***Lillo, Francio, la 1-an de aŭgusto 2015***

**La 2 695 partoprenantoj en la 100-a Universala Kongreso de Esperanto,**

**kunveninte** el 82 landoj, de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 2015, en Lillo, Francio,

**diskutinte** la temon *Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj* en sep diversaj sesioj tra la kongresa semajno,

**volante kontribui** al la disvolviĝo de la Internacia Jardeko por la Alproksimiĝo de Kulturoj proklamita de Unesko,

**konstatas**, ke interkultura dialogo estas same urĝe necesa hodiaŭ, kiel ĝi estis antaŭ 110 jaroj, kiam okazis la unua Kongreso de Esperanto en Bulonjo-ĉe-Maro;

**asertas**, ke por vere interkomprenigi la homojn, tiu dialogo devas esti afero ne nur de la cerbo sed ankaŭ de la koro, kunplektanta klerigon kaj kundiskutadon, arton kaj amikecon;

**atentigas**, ke ĝuste tian multflankan interkulturan dialogon praktikas kaj disvolvas la tutmonda Esperanto-movado en siaj centoj da kongresoj kaj renkontiĝoj ĉiujare;

**instigas** ĉiujn aliajn aktivulojn kaj movadojn por interkultura dialogo doni pli da atento al la lingva dimensio de sia laboro, kaj al la reala funkciado de Esperanto kiel lingvo inkluziva kaj egaleca, kies uzado povas plifaciligi kaj pliprofundigi tian dialogon;

**ree dediĉas** sin al la kultivado kaj disvastigado de la valoroj de reciproka respekto, paco kaj justeco inter ĉiuj homoj, konforme al la celoj de Unesko kaj kunlige kun la aktualaj streboj de Unuiĝintaj Nacioj por konstrui daŭripovan mondan socion.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA 6-A AFRIKA KONGRESO DE ESPERANTO OKAZOS EN BURUNDO EN 2016

Konforme kun decidoj faritaj en la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto (AKE), la 6-a AKE okazos en Burundo en 2016. Same kiel ĉiu antaŭa AKE, ankaŭ ĝi estos organizata de la Afrika Komisiono de UEA kunlabore kun la landa Esperanto-asocio (ANEB) kaj lokaj aktivuloj en Burundo. La Estraro de UEA atentigas, ke la uzo de la titolo "6-a AKE" por la aranĝo anoncita por la fino de 2015 ne havas aprobon de la Afrika Komisiono de UEA nek de la Estraro de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PREMIO DEGUĈI 2015 AL ÉVA FARKAS-TATÁR



Premio Onisaburo Deguĉi, "la esperantista pacpremio", estis starigita per donaco de Oomoto en 1987 kaj estas aljuĝata ĉiujare. Ĝi konsistas el diplomo kaj monsumo 2000 eŭroj. Laŭ sia regularo la premio estas aljuĝata "pro meritoj en la utiligo de Esperanto kiel rimedo por monda paco kaj homara feliĉo, konforme al la idearo de d-ro Zamenhof kaj al instruoj de Onisaburo Deguĉi, kaj pro kontribuo al la celo de UEA kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvi ĉe ili komprenon kaj estimon por aliaj popoloj".

La Estraro de UEA aljuĝis la Premion Deguĉi de 2015 al s-ino Éva Farkas-Tatár el Hungario. La decido estis anoncita la 1-an de aŭgusto en la Fermo de la 100-a UK en Lillo. Éva Farkas-Tatár naskiĝis en 1924. Ŝi lernis Esperanton 37-jara en 1961. En la sekva jaro ŝi partoprenis la Universalan Kongreson en Kopenhago, kiu tiom ravis ŝin, ke ŝi decidis plene dediĉi sin al la instruado de Esperanto. Por perfektiĝi pri tiu arto ŝi iris al la UK en Hago en 1964 por sekvi lecionojn de Andreo Cseh. Tiel komenciĝis la 50-jara instrua agado per la Cseh-metodo en multaj landoj kaj ĉe multaj UK-oj kaj plej diversaj aliaj renkontiĝoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# Eksciu, ke...

## FINA STATISTIKO DE LILLO: 2698 ALIĜINTOJ EL 80 LANDOJ




Laŭ la definitiva statistiko, al la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en Lillo aliĝis 2698 kongresanoj el 80 landoj. Sekve ĝi fariĝis la plej granda UK de post tiu en Berlino en 1999, kiu altiris 2712 aliĝintojn. En la historia statistiko de ĉiuj UK-oj Lillo atingis la 14-an lokon, tuj post Berlino. La nombro de landoj (80) estas rekorda.

Kvarono de la aliĝintoj, sume 724, venis el la kongreslando Francio. Kun 200 aliĝintoj la duan lokon okupis Germanio. Pli ol 100 aliĝojn liveris ankaŭ Japanio (171), Brazilo (124) kaj Pollando (115), sekvataj de Belgio (95), Ĉinio (95, inkluzive de 1 el Honkongo kaj 6 el Tajvano) kaj Italio (89).

Kun minimume 20 kongresanoj reprezentiĝas en la statistiko Nederlando (79), Britio (59), Korea Respubliko (57), Hispanio (56), Rusio (51), Svislando (50), Ĉeĥio (49), Hungario kaj Usono (po 48), Danio (43), Finnlando (41), Litovio kaj Svedio (po 38), Irano (28), Kanado, Meksiko kaj Slovakio (po 26), Norvegio (22) kaj Ukrainio (20).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## TEJO KUN NOVA PREZIDANTO

La Komitato de TEJO, kiu kunsidis en la 71-a Internacia Junulara Kongreso en Wiesbaden (Germanio), elektis la Estraron por la oficperiodo 2015–2017. La nova prezidanto estas la antaŭa vicprezidanto Michael Boris Mandirola el Italio. Li gvidos 5-personan teamon, en kiu ĉiuj krom li estas en la Estraro por la unua fojo.

Mandirola kandidatiĝis por la posteno surloke kaj ricevis pli da voĉoj (14) ol la ĝisnuna prezidanto Łukasz Żebrowski (8). La Komitato signife malgrandigis la Estraron: el la 7-kapa organo ĝi iĝis 5-persona, malgraŭ la rekomendo de la Elekta Komisiono elekti 8 estraranojn.

La novaj estraranoj kaj ilia taskodivido estas: prezidanto **Michael Boris Mandirola** (Italio): kunordigo, eksteraj rilatoj, aktivula trejnado, rilatoj kun UEA; vicprezidanto **Juliana Evandro** (Brazilo; 16 voĉoj): informado, kulturo, homaj rimedoj, adoleska agado, Pasporta Servo; ĝenerala sekretario



**Arina Osipova** (Rusio; 21 voĉoj): edukado, rilatoj kun ILEI kaj Fondumo Zamenhof; kasisto **Cédric Marchal** (Belgio; 23 voĉoj): subvencipetado, rilatoj kun UEA; **Ariadna García Gutiérrez** (Kubo; 23 voĉoj): landa agado, scienca kaj faka agado. La Komitato elektis ankaŭ Elektan Komisionon, kiu konsistas el Rogier Huurman (19 voĉoj), Paweł Fischer-Kotowski (18) kaj Alexandre Raymond (13).

En la tagordo de la Komitato troviĝis la demando pri la jura sendependiĝo, por kiu TEJO ricevis en la antaŭa semajno aprobon de la Komitato de UEA. Tamen, la supera organo de la junulara sekcio de UEA ne pretis alpreni decidon jam nun, sed taskis al la Estraro finpretigon de la kontrakto inter UEA kaj TEJO. Nur tiam ĝi konsideros ĉiujn dokumentojn – la statuton kaj la kontrakton – kaj decidos pri ili en reta voĉdono. Tiun solvon subtenis 14 komitatanoj, dum 6 preferis tujan aprobon de la statuto.

En la kongreso estis akceptita la aliĝpeto de Benina Organizo de Junaj Esperantistoj (BOJE) kiel nova landa sekcio.

La 71-a IJK komenciĝis la 2-an kaj daŭris ĝis la 9-a de aŭgusto. Partoprenis ĉ. 300 esperantistoj el pli ol 50 landoj, plejparte sub 30 jaroj. En 2016 la kongreso okazos en Vroclavo, Pollando.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ILEI-KONFERENCO INAŬGURITA – NOVA ESTRARO

La 48-a Konferenco de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) estis inaŭgurita la 18-an de julio en la festsalono de la urbodomo de Ostendo, ĉemara urbo en Belgio. Same kiel antaŭ unu jaro, la urbestro de la konferenca loko bonvenige alparolis la kunvenintajn instruistojn. Tiuj efektive plenigis la festosalonon en Ostendo; la nuna konferenco viciĝas inter la kvar plej grandaj dum la pli ol sesdekjara ekzisto de la Ligo.

Post la urbestra alparolo la prezidanto de ILEI s-ino Mirejo Grosjean legis omaĝon pri la personeco kaj agado de Edward Symoens, kiu longtempe estis prezidanto de la Ligo. Sekvis saluto de Ariadna Garcia Gutiérrez el Kubo nome de la junularo. Ŝi esprimis la deziron, ke TEJO kaj junuloj kunlaboru pli proksime kun ILEI pri siaj instruaj projektoj. Salutis Stefan MacGill, vicprezidanto de UEA, kiu emfazis la gravecon de edu-

kado en defendado de la paco kaj la aktivan rolon, kiun povas kaj devas ludi la esperantistaj instruistoj. Sekvis proklamo de la unua aljuĝo de la Premio Mauro la Torre (kiu mem prezidis la Ligon inter 1998 kaj 2003). Tiun ricevas D-ro Davide Astori el Italio pro kompara studo de du tradukoj de la itala klasikaĵo "Pinokjo". La malfermo finiĝis per komuna fotado ekster la urbodomo kaj bonveniga koktelo flanke de la urba registaro.

La Konferenco pluiris tra pluraj tagoj; ĝi efektive arigis 159 aliĝintojn el 34 landoj (rekordo por la Ligo) el ĉiuj kontinentoj.

La Komitato de ILEI en Ostendo elektis novan estraron por la sekva trijara periodo. La elektokomisiono intense laboris kaj aliris 14 novajn personojn, fine ariĝis naŭ kandidatoj. La komitato decidis, ke la estraro konsistu el sep personoj. Tri personoj estis elektitaj por difinitaj oficoj: Mirejo Grosjean (Svislando, prezidanto), Vilĉjo Harris (Usono, kasisto), Emile Malanda (Sud-Afriko, sekretario). Por la ceteraj lokoj elektiĝis: s-ino Xiaofeng Gong "Arko" (Ĉinio), Elena Nadikova (Rusio), Ivan Colling (Brazilo) kaj Radojica Petrović (Serbio).

***(komitato-de uea)***

## SURPRIZOJ DUM LA UK EN LILLO



Ĉe la fino de la ferma ceremonio de la Universala Kongreso en Lillo okazis nekutima kaj neplanita programero: Peter Baláž, gvidanto de E@I, prezidanto de LKK de la sekvajara UK invitis surscenejen sian koramikinon Dorota Rodzianko kaj publike petis ŝin iĝi lia edzino! Mallonga filma registraĵo pri la fianĉa demando kaj jesa respondo estas videbla ĉe: <https://www.youtube.com/watch?v=WAqtaA_eAhk>. Sinceran gratulon al Peter kaj Dorota! (La filmeto estas faritaj de GEA.)

La unuan fojon en la historio de Esperanto okazis viva interreta elsendo de la solena inaŭguro de la Universala Kongreso. La elsendo okazis paralele kaj per la servo Hangouts de Google, kaj per rekta elsendofluo en

Youtube. La eventon sekvis centoj da esperantistoj en plej diversaj landoj. Multajn dankojn kaj gratulon al Cyrille Hurstel pro la teknika realigado!

Ĉiuj 6 numeroj de dumkongresa kuriero “Belfrido”, redaktitaj de Stano Marĉek, estas elŝuteblaj en la retejo de UEA ĉe <http://www.uea.org/kongresoj/>.

***(Ret-Info, LS)***

## GIULIANO TURONE – NOVA HONORA PATRONO DE UEA



La itala juristo Giuliano Turone fariĝis membro de la Honora Patrona Komitato de UEA. Tiu honora organo konsistas el lingvistoj, sciencistoj k.a. eminentuloj, kiuj faris gravajn servojn al la Esperanto-movado kaj mem parolas kaj verkis en la Internacia Lingvo. Pri la elekto de Turone decidis la Komitato de UEA en sia kunsido en Lillo.

Turone naskiĝis en 1940. Li estas eksa juĝisto de la Supera Apelacia Tribunalo. Li estis ankaŭ profesoro pri viktimoscienco, tribunalaj sciencoj kaj esplorteĥniko en la Katolika Universitato en Milano. En Italio li estis vaste konata, ĉar dum sia kariero li okupiĝis pri famaj publikaj juraj procesoj. Li estis ankaŭ la esplor-juĝisto, kiu malkovris, ke la framasona grupo P2 efektive celis aranĝi ŝtatrenverson. De 2005 ĝis 2007 li estis konsilanto en la Supera Apelacia Tribunalo kaj poste – profesoro en la Katolika Universitato en Milano. Li estis akuzanta juĝisto en la Internacia Pun-Tribunalo por la eksa Jugoslavio en Hago. Turone aperigis verkojn pri juro en la itala, i.a. *Il delitto di associazione mafiosa* (La krimo pri mafia kuniĝo; 2008) kaj, kun Gianni Simoni, *Il caffè di Sindona. Un finanziere d'avventura tra politica, Vaticano e mafia* (La kafo de Sindona. Aventura financisto inter politiko, Vatikano kaj mafio; 2009).

En la 1960-aj jaroj Turone aktivis en junularaj rondoj italaj kaj internaciaj. Nuntempe li estas honora prezidanto de la laborgrupo “Esperanto por UN”, starigita de UEA. Lia hobio estas aktorado; lastatempe li fariĝis konata pro la prezentado de teatraĵoj en la UK-oj en Florenco (2006), Havano (2010) kaj ĉi-jare en Lillo. Li prizorgas ankaŭ retejon, en kiu li prezentas la ĉefverkon de Dante Alighieri en pluraj lingvoj, i.a. Esperanto.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA PREMIIS DEK DU ELSTARAJN AGANTOJN

En la Solena Fermo de la 100-a Universala Kongreso en Lillo estis

anoncitaj la nomoj de 12 ricevantoj de Diplomo pri Elstara Agado kaj de Diplomo pri Elstara Arta Agado. Tiuj diplomoj estas aljuĝataj de la Estraro de UEA ekde la jaro 2007. Jen la ĉi-jaraj distingitoj:

***Diplomo pri Elstara Agado:*** **Richard DELAMORE** (Aŭstralio) pro la realigo de la reta Esperanto-Televido; **DOI Chieko** (Japanio) pro longtempa redaktado de "Esperanto en Azio"; **Ilona KOUTNY** (Pollando) pro la gvidado de la Interlingvistikaj Studoj ĉe la Universitato A.Mickiewicz en Poznano; **Birthe LAPENNA** (Danio) pro konservo de la materialoj pri la Montevidea rezolucio k.a. dokumentoj de Ivo Lapenna ĉe la Dana Ŝtata Arkivo; **Ĵak LE PUIL** (Francio) pro la eldonado de la revuo "La KancerKliniko" ekde 1976; A**na MANERO** (Hispanio) pro la gvidado de la projekto Bitoteko de Hispana E-Federacio; **Chuck SMITH** (Germanio) pro la realigo de la Esperanto-kurso en Duolingo; **László SZILVÁSI** (Hungario) pro informa kaj ĵurnalisma Esperanto-agado; **Francisco L. VEUTHEY** (Nederlando) pro la realigo de 75 filmoj por la Reta Kinejo de UEA; **Esperanto-redakcio de Ĉina Radio Internacia** pro la organizado de Esperanta Filmfestivalo.

***Diplomo pri Elstara Arta Agado:*** **Rogener PAVINSKI** (Brazilo) pro kontribuado al la muzika E-kulturo; **WANG Chongfang** (Ĉinio) pro esperantigado de ĉina literaturo kaj pro vortara laboro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## UEA RICEVIS DU NOVAJN HONORAJN MEMBROJN

*UEA ricevis du novajn Honorajn Membrojn en Lillo. La Komitato de UEA povas distingi per tiu titolo esperantistojn, kiuj faris eksterordinarajn servojn al la tutmonda Esperanto-Movado. Ĉi-jare estis distingitaj la franca verkisto-eldonisto André Cherpillod kaj la germana historiisto kaj eksestrarano de UEA d-ro Ulrich Lins.*



**André Cherpillod** naskiĝis en 1930 kaj estas emerita mezlerneja instruisto pri naturscienco. Membro de UEA ekde 1956, li kunlaboris por *Esperanto*, *Franca Esperantisto*, *Heroldo de Esperanto*, *La Gazeto*, *La Kancerkliniko*, *Monato* k.a. revuoj kaj longe redaktis la poŝkalendaron *La Jaro*. De 1992 ĝis 2010 membro de la Akademio de Esperanto.

Cherpillod verkis ĉ. 130 diverstemajn librojn, kiujn li ofte eldonis samtempe en la franca kaj Esperanto, i.a. *Akada leksikono* (1986), *Kanto de*

*Kantoj* (traduko el la Biblio; 1988), *La aglutinaj lingvoj kaj Esperanto* (1988), *Nepivaj vortoj* (1988), *Glozel kaj la prahistoria skribo* (1991), *Mil ekzotaj vortoj* (1992), *Kaj la suno haltis* (1993), *Konciza gramatiko de Volapuko* (1995), *Voyage au fil des mots* [Vojaĝado super vortoj] (1995), *La mortotuko de Torino* (1996), *Vortkonsisto, vort-farado, vortanalizo, vortordo* (1996), *La galla lingvo* (1999), *De la edikto de Nanto ĝis la ribelo de la kamizardoj* (1999), *Gaston Waringhien, heroldo de la Internacia Lingvo* (2000), *La kalendaro tra la tempo, tra la spaco* (2002), *Konciza etimologia vortaro* (2003), *La tradukarto kaj ties problemoj* (2003), *La Misteroj de la ĉina skribo* (2003), *Vortaro Volapük-Eo kaj Eo-Volapük* (2003), *La vortfarado en dek lecionoj* (2003), *Etimologia vortaro de la propraj momoj* (2005), *Hillel la saĝulo: lia vivo, lia instruo* (2005), *Lingvaj babilaĵoj* (2006), *Balenoj kaj delfenoj* (kun Marie-Christine Body, 2006), *La Biblio, ĉu historio? ĉu legendoj?* (2008), *La kelt-semidaj lingvoj* (2008), *Medicina leksikono* (2009), *Les outils grammaticaux de l'Espéranto* [La gramatikaj iloj de Esperanto] (2009), *La gramatika karaktero de la Esperantaj radikoj* (2009), *Franca slango kaj populara lingvaĵo* (2013), *Muzika leksikono* (2013), *Richard Wagner, lia vivo, lia verkaro* (2013) kaj *Mensogoj kaj sekretoj de la historio* (2015).



**Ulrich Lins** naskiĝis en 1943. Li studis historion, politikan sciencon kaj japanologion en la Universitatoj de Köln kaj Bonn. En 1971/72 li estis gast-esploranto en la Universitato de Tokio. Li doktoriĝis per tezo pri la historio de Oomoto; la disertacio aperis libroforme en 1976. Profesie li okupiĝis ĉefe pri la interŝanĝo de universitatanoj inter FR Germanio kaj aziaj landoj kaj tiucele loĝis en Japanio (1978-1983 kaj 1999-2004).

Ulrich Lins eklernis Esperanton en 1958. Ekde 1959 li estas membro de UEA. Li havis diversajn funkciojn en la Movado, unue en Germana Esperanto-Junularo. De 1964 ĝis 1969 li estis estrarano de TEJO, kreante i.a. la kategorion "Patronoj de TEJO". De 1970 ĝis 1974 li estis kunredaktoro de *Kontakto*. De 1967 ĝis nun, kun interrompoj, komitatano de UEA, de 1989 ĝis 1995 vicprezidanto de UEA kaj de 2011 ano de la Elekta Komisiono de UEA. Ekde 1989 li estas prezidanto de la juĝkomisono de Fondaĵo Antoni Grabowski.

Lins kunredaktis la verkon *Esperanto en perspektivo* (1974), germanlingvan libron pri german-japanaj rilatoj (1977), 12-voluman japanlingvan verkon pri la historio kaj nuntempo de Germanio (1981-1986)

kaj la festlibron por H.Tonkin *La arto labori kune* (2010). Krome, li redaktis reeldonon de *Vivo de Zamenhof* de E.Privat (2007) kaj la kolekton *Aziaj kontribuoj al esperantologio* (2008). En 1988 aperis de li *La danĝera lingvo*, kiu estas tradukita en ses lingvojn[1], kaj en 2008 *Utila Estas Aliĝo. Tra la unua jarcento de UEA*. Pli ol cent artikoloj, ĉefe pri historiaj temoj, aperis en Esperanto, la germana, la angla kaj la japana.

Kun sia japana edzino Lins havas du gefilojn, el kiuj unu, la filo Marko Naoki, aktivis en la junulara Esperanto-movado.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## VERONIKA POÓR – LA NOVA ĜENERALA DIREKTORO DE UEA



En la komitata kunsido en la 100-a UK sabate, la 31-an de julio estis publikigita la decido de la Estraro de UEA elekti d-inon Veronika Poór el Hungario kiel la novan Ĝeneralan Direktoron de la Asocio. Fari tiun decidon postulis kelkajn tagojn post la intervjuoj kun tri kandidatoj, pro la alta kvalito de ĉiuj prezentaĵoj.

Veronika Poór eklaboros en la Centra Oficejo komence de januaro 2016. Dum dumonata transira fazo la nuna kaj la estonta direktoroj kunlaboros pri la transdono de taskoj. Poór formale transprenos la oficon komence de marto.

Veronika Poór naskiĝis en 1983. Ŝi doktoriĝis pri fiziko en la kampo de nanoteknologio. Ŝi kunfondis la retradiokanalon Muzaiko kaj estis estrarano de TEJO pri Aktivula Trejnado, Eksteraj Rilatoj, Homaj Rimedoj kaj Scienca kaj Faka Agado. En tiu rolo ŝi verkis aŭ kunverkis kvin retajn trejnadojn de TEJO, estis elektita al la Konsila Konsilio pri Junularo de la Konsilio de Eŭropo, superrigardis la kreadon de nova enkonduko por novaj membroj kaj ekorganizis Sciencajn Prelegsesiojn. Aldone ŝi grave kontribuis al la verkado de sukcesaj subvencipetoj de TEJO.

Prezentante la decidon, prezidanto Mark Fettes dankis la aliajn kandidatojn pro ilia preteco por la tasko. Li ankaŭ esprimis dankon al Osmo Buller pro lia multjara sindediĉo kiel la Ĝenerala Direktoro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

[1] Inkluzive la rusan – *Red.*

## REZULTOJ
## DE LA BELARTAJ KONKUSOJ DE UEA EN 2015

***POEZIO:***

Unua Premio: **Mao Zifu** pro *Memoro*;

Dua Premio: **Jorge Camacho Cordón** pro *Kredo*;

Tria Premio: **Paulo Sergio Viana** pro *Rimoj neperfektaj*;

Honora Mencio: **Jorge Camacho Cordón** pro *Ĉiu nova persono* kaj **Ewa Grochowska** pro *Hajkoj*.

Partoprenis 38 verkoj de 19 aŭtoroj el 15 landoj.

***PROZO:***

Unua Premio: ne aljuĝita;

Dua Premio: **Nicola Ruggiero** pro *Burĝonos la migdalfloroj*;

Tria Premio: **Jesper Jacobsen** pro *La tirkesto*.

Partoprenis 22 verkoj de 13 aŭtoroj el 13 landoj.

***TEATRAĴOJ:***

Unua Premio: ne aljuĝita;

Dua Premio: **Nicola Ruggiero** pro *Adiaŭ al la suno*;

Tria Premio: **Amin Naor** pro *Bonaj intencoj*.

Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.

***ESEO:***

Unua Premio: ne aljuĝita;

Dua Premio: **Nicola Ruggiero** pro *Pri mondo nokta, pleje mallogika*;

Tria Premio: **Davide Astori** pro *Lingvoj, valoroj, kulturoj, mondkonceptoj en dialogo*.

Partoprenis 2 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

***INFANLIBRO DE LA JARO:***

Eldonejo **Erroteta** pro la libro *Usoa venis fluge kaj Sola kaj senvosta* de Patxi Zubizarreta, tradukita de A.Arana.

Partoprenis 4 verkoj de 3 eldonejoj el 3 landoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## KREPUSKAJ MEDITOJ PRI SIMBOLOJ




La eldonejo "Impeto" aperigis la libron de Vladimir Opletajev "Simboloj de Rusio". Tre interesa iniciato – fari kulturologian skizon pri la lando pere de priskribo de ĝiaj simbolaj objektoj. Tio vere sufiĉe bone prezentas iujn trajtojn de la koncernaj lando kaj popolo en kompakta kaj leĝera formo. Des pli la rezulto ne estas malbona, ĉar la aŭtoro estas brila esperantisto, posedanta bonan literaturan stilon. La libron eblas multe laŭdi, kaj por la komenco mi devas emfazi, ke mi arde rekomendas ĝin akiri kaj legi al ĉiu eksterlandano, kiu intencas viziti Rusion, kaj ankaŭ al la rusoj, kiuj povas ekscii el la libro ion novan.

Sed, ĉar la libro estas la unua tiaspeca provo, ĝi ne povas ne havi plurajn mankojn. Do, ne riproĉante la aŭtoron (kaj li neniel ofendiĝu pro la posta kritiko, ĉar lia merito nekontesteblas), mi volas iomete paroli pri ili. Nu, ĉar la libro stimulis min iom mediti pri la rusiaj simboloj, kaj atenti certajn aferojn, tio estas ĝia merito...

La unua problemo estas elekto de la simboloj. Ĝi estas tro arbitra, kaj estas preterlasitaj kelkaj tre gravaj eroj. Estas vodko (kiu ja ne estas nur rusa simbolo!), sed forestas kvaso... Tamen ja ekzistas rusaj patriotoj ĝuste *kvasaj,* sed ne vodkaj! Tute mankas la rusa vaporbanejo, eĉ pli – en la ĉapitro pri betulo ial ne estas menciita betulbranĉa fasko, uzata en ĝi. Kiel internacie konata signo de Rusio famas bulboformaj kupoloj de la ortodoksaj preĝejoj – sed ili ne estas menciitaj. Estas ĉapitro pri balalajko, sed ne estas pri harmoniko – tamen ja dum ĉirkaŭ jarcento (proksimume de la 1860-aj ĝis la 1960-aj) ĝi estis la plej simbola rusa muzikinstrumento, pli grava ol la balalajko. Estas ĉapitro pri baleto, sed la operoj de Ĉajkovskij, Rimskij-Korsakov, Musorgskij kaj Borodin estas ne malpli internacigrava simbolo! Finfine, tute mankas simboloj literaturaj, kiuj por la rusoj mem estas la poetoj (kompreneble, unuavice Puŝkin!), kaj por la tuta mondo – prozo de Lev Tolstoj kaj Dostojevskij. Inter aliaj simboloj mi ne preterlasus la bildojn de Viktor Vasnecov, kies "Prodoj" estas certa signo de la rusa popola sinkonscio. Al mi ŝajnas, ke simbola signifo de la supraj aferoj estas pli granda, ol tiu de feltobotoj kaj eĉ Ĉeburaŝko...

La dua problemo estas klasifiko de la simboloj. V.Opletajev pli-malpli dividas la rusajn naciajn simbolojn je la oficialaj (la blazono, la himno, la flago, parte Georga rubando kaj rublo) kaj ĉiuj ceteraj. En la ceteraj li iun sistemigon ne faras. Sed ja ankaŭ ili tute bone dividiĝas je du grandaj grupoj: "porinternaj" (kiujn opinias tiaj la rusoj mem, sed kiuj ne nepre estas ekskluzive rusa propraĵo, kiel betulo, vodko, urso, blinoj ks.) kaj "poreksteraj", kiuj estas rekoneblaj de eksterlandanoj kiel pure rusaj specifaĵoj.

Pri pluraj simboloj – ĉefe la oficialaj, sed ne nur – la aŭtoro rakontas iom tro oficialece, preskaŭ ne menciante la propran popolan rilaton al ili. Tamen ili tute ne ĉiam estas perceptataj de la rusoj pozitive, sed ofte ironie, aŭ moke, aŭ eĉ refute. Plejparte tio rilatas al la dukapa aglo, kiun oni kutime nomas "mutaciulo" aŭ "ĉernobila kokido"... La himnon pro malsamaj kaŭzoj refutas ideologie malsamaj grupoj de la loĝantaro – liberaluloj pro stalinepoka deveno, maldekstruloj kaj ateistoj pro mencio de dio, ktp. – sed tre malmultaj vere estimas ĝin. Nu, pri rilato al rublo, la "ligna valuto" ni prefere silentu.

Kelkaj ĉapitroj estas ne tro sukcesaj. Ekzemple, kremloj *ĝenerale* ne estas nacia simbolo (des pli ke la vorto mem disvastiĝis sufiĉe malfrue), sed nur la Moskva Kremlo (mi ne sentas, ke kremloj en Niĵnij Novgorod, des malpli en Tula aŭ Zarajsk, havas tutnacian simbolan signifon). De alia flanko, simbolan signifon havas kelkaj arkitekturaj monumentoj, ne menciitaj en la libro. Unuavice, mi dirus tion pri la baziliko de Bazilo la Beata sur la Ruĝa placo en Moskvo, kiu nepre meritus apartan ĉapitron. Same, ne tro kontentigas la ĉapitro "Ikonoj de Rubljov" – jes, la ortodoksaj ikonoj ĝenerale estas senduba rusa simbolo, sed aparte pri Rublov mi ne parolus (des pli ke tutcerte al lia peniko apartenas nur unusola ikono, aŭtoreco de la aliaj elvokas demandojn...).

Ankoraŭ jen kia rimarko. Mi jam diris, ke foje versioj de la aŭtoro portas spurojn de troa oficialeco. Tio ne estus nepre malbona trajto, sed ĝin akompanas vosto de tradiciaj mitoj (aŭ, almenaŭ, ne kontrolitaj kaj nekontroleblaj asertoj). Por ekzemplo mi diru pri la jena afero. Ekzistas aserto, reproduktata en la libro, ke kreon de la unua ludilo "matrjoŝko" inspiris japana figureto de iu ĉu budhana sanktulo, ĉu ŝintoisma dio *Fukuruma*. Mi iam provis esplori tiun demandon per esperantistaj rimedoj – konsultiĝis ĉe japanaj samideanoj, ĉu ili konas tiun dion aŭ sanktulon, kaj ĉu vere ekzistas en Japanio iuj similaj figuroj aŭ ludiloj. Mi ricevis ĉirkaŭ dekon da neaj respondoj kaj eĉ ne unu jesan. Do, mito... En alia loko, pri Avo Frosto tute ne estas menciata influo sur ĝia kreo en 1930-aj jaroj de la usona *Santa Claus* (siavice deveninta de la eŭropa Sankta Nikolao) – certe, tio ne estas korekta kaj objektiva. Estas stranga aserto pri iu samovarfabriko en Tulo en 1725,

kiam ĝis apero de samovaroj en Rusio restis ankoraŭ pli ol 50 jaroj... Do, tiaj "puloj", kiuj estas bazitaj sur mitoj aŭ nekontrolitaj faktoj, en la libro iomkvante ĉeestas. Fakte, ĉio ĉi facile korekteblas.

Mi opinias, ke la libron indas kaj endas iom plivastigi (ĉapitroj pri kvaso, harmoniko, vaporbanejo kaj Puŝkin nepras!), revizii kaj reeldoni – sed fari tion ne tuj, sed okaze de eventuala UK en Rusio (aŭ alia granda internacia renkontiĝo). Ĝi vere povos fariĝi la unua orientilo pri la rusa kulturo.

Kaj, por la fino, mi volus diri pri la tre neatendita konkludo, kiun mi faris post la lego de la libro: plejparto de la specife (kaj ne tre specife) rusaj objektoj, kiuj estas rigardataj kiel naciaj simboloj, aperis sufiĉe antaŭnelonge, dum lastaj 200-250 jaroj! Nur tre malmultaj venas el la mezepoka profundo, sed pluraj apartenas al la tute nova epoko. Io, aspektanta kiel profunde ruse popola, estas artaj kreaĵoj de certaj personoj (balalajko, matrjoŝko, salato "Olivje" ktp.), kaj rapidege disvastiĝis kaj populariĝis. Kio kaj kial ricevas tiaspecan karakteron, antaŭvidi ne eblas. Aperas la demando: kio el la nun aperantaj objektoj havas la ŝancon simboliĝi?

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

## ZAMENHOF-LETERO POR 1100 EŬROJ EN LA AŬKCIO EN LILLO

La tradicia kongresa aŭkcio atingis unu el la plej bonaj rezultoj en sia historio. Sub la verva gvido de Humphrey Tonkin en la plenplena salono Lapenna kolektiĝis entute 4025 eŭroj. Pli bonan rikolton, 4528 eŭroj, oni atingis nur en la 83-a UK en Montpeliero en 1998. Kun 3579 eŭroj la aŭkcio de la 94-a UK en Bjalistoko en 2009 estas sur la tria loko.



Kiel atendite, plej altpreze estis vendita letero, per kiu L.L.Zamenhof kaj Klara Zamenhof dankis al ges-roj Arnhold pro ilia gastigado dum la 4-a UK en Dresdeno en 1908. En febra konkurso inter multaj interesatoj la letero fine estis vendita por 1100 eŭroj. La dua plej kosta aŭkciaĵo es-

tis la honoro esti registrita kiel kongresano n-ro 1 en la 101-a UK en Nitro. Por ĝi necesis pagi 210 eŭrojn. La Kongresa Libro de la 7-a UK en Antverpeno en 1911 kostis 150 eŭrojn, dum la plej malnova aŭkciaĵo, *Langue internationale Esperanto. Manuel complet*, de Louis de Beaufront el 1899, kun lia aŭtora dediĉo al generalo Sebert, vendiĝis por 140 eŭroj. Por la raporto de L.Couturat kaj L.Leau pri la laboroj de la misfama Delegitaro, *Compte rendu des travaux du Comité (15-24 oct 1907)*, necesis pagi 120 eŭrojn. Komuna foto de la kongresanaro de la unua UK en 1905 kaj la bindita volumo de *La Revuo* de la periodo septembro 1911 – aŭgusto 1912 atingis po 110 eŭrojn.

La rezulto de la aŭkcio iras favore al la Volontula Fondaĵo de UEA, escepte de 60 eŭroj kiel kontribuo al memorŝildo pri Gaston Waringhien en la liceo, kie li iam laboris kiel instruisto. Identa ŝildo estis inaŭgurita en la kongresa semajno ĉe lia naskiĝdomo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# *Mikaelo Bronŝtejn*

# Mi stelojn jungis al revado...

***romanfragmento*[1]**

## Francine

### 1.

*Kelkiuj teoriumas (ekzemple, Kautsky) pri kreo de unueca tuthomara lingvo kun formorto de ĉiuj ceteraj lingvoj en la periodo de socialismo. Mi nemulte kredas tiun teorion de la unueca, ĉion ampleksanta lingvo. La sperto ĉiuokaze atestas ne por, sed kontraŭ tia teorio.*

***I.Stalin, parolado en studenta kunveno la 18-an de majo 1925***

Ĉu ne malbonas esti sendependa? Ŝi konvinkis sin, ke tio absolute ne malbonas. Pasis jam unu jaro, ĉu ne, aŭ eĉ iom pli ekde la definitiva rompo de ŝiaj rilatoj kun Drezen, sed ŝi ne bedaŭris tion. Tute ne! Ŝi, Francine Ambless, almenaŭ dek kvin jarojn el siaj dudek du fakte sentis sin sendependa. Certa dependeco de kelkaj (ho, tute ne multaj!) viroj ne povus esti kalkulata serioze. Jes, ili vivtenis ŝin, sed ja ŝi pagis al ili. Per kio? Nu... certe, per sincera kaj arda amo – jes, ŝi sincere amis ĉiujn siajn virojn. Sinsekve. Sed ĉiam arde. Kaj ŝi rajtas opinii, ke neniu el ili sentis malkontenton pro tia negoco. Jes!

Do. Nun ĉiuj amitaj viroj estis for. Francine estis libera. Ŝi havis sian etan loĝejon en la ĉefurbo de la soveta ŝtato, ŝi havis oficon, kie ŝi laŭ siaj kapabloj faris utilon por tiu ŝtato, kaj la ŝtato pagis al ŝi – ne tro multe, sed... nu, normale. Jes!

La viroj? Foje ŝi sentis bezonon pri tiuj stulte memamaj, fanfaronemaj kaj senhelpaj estaĵoj. Tiuokaze ŝi invitadis por vespera kaftrinko kolegon el Kominterno[2]. Li estis simpatia kaj bonanima, sed amo? – ho ne, Francine neniam kaj neniom amis lin. Eble, li laŭ tiu stulta vira kutimo fanfaronis en la rondo de kunfumantoj, ke li havis ŝin. Eble, sed Francine fajfis pri tio. Ĉar tio ne estis vero. Estis ŝi, kiu havis lin. Jes!

Esperantistoj? Ŝi vizitadis la kunvenojn en Soljanka, en aliaj lokoj... Ĉar kelkaj homoj en tiu kompanio plaĉis al ŝi. Kiel homoj, kiel amikoj. Tiu sincera poeto Nikolao, tiu simplanima Griŝa... la gastoj, venantaj el provincoj, – Eŭgeno Miĥalski el Ukrainio, Dima Snejĵko – ĉarma blondulo el Minsk, la

---

*[1] Daŭrigo. La antaŭajn partojn vidu en REGo №№ 2 (87) – 3 (88).*

*[2] Tria Internacio*

nigrahara sudanino Idoĉka Lisiĉnik. Ŝi ne parolu jam pri Vera, kiu nun loĝis kun sia edzo en Leningrado, sed estas fidela kaj fidinda amikino; ŝi ofte skribas al Francine, kaj Francine respondas senprokraste, do reciproke ili estas informitaj pri ĉio, okazanta en iliaj vivoj. Drezen? Certe, li ĉeestis en la kunvenoj, tamen ŝi ignoris lin, kaj post du liaj provoj paciĝi li ne plu alparolis ŝin, preterirante ĉe hazardaj aŭ oficialaj renkontoj. Ĉu li ŝatus venĝi? Eble, jes. Ŝia estro, kamarado Pjatnickij, foje diris pri telefonvoko de Drezen, kiu, kvazaŭ pretere, inter aliaj demandoj interesiĝis, ĉu la estraro de Komintern estas kontenta pri la laboro de la sekretario-tradukisto Francine Ambless...

Tiom pli neatendita estis por ŝi lia peto veni al lia oficejo por parolo pri grava afero. Ŝi volis tuj rezigni, sed lia tono estis vere serioza, kaj enestis tie gusto de petego, kiun ŝi eksentis. Ĉu ŝi estu tute senkora? En la interkonsentita tempo ŝi venis al li.

– Saluton, Frosja! – li diris. – Kiel vi fartas?

– Ne plu Frosja, kamarado Drezen, – ŝi malrapide kaj klare elparolis ĉiun vorton. – Mi estas Francine. Francine Ambless. Kaj mi supozas, ke vi estas informita pri mia farto.

Li ridetis.

– Bone, estu Fransin'. Se vi plu malamas min pro la afero de Postnikov, al kiu mi havas nenian rilaton…

– Certe, nenian, – ŝi ridetis sarkasme. – Ankaŭ al la afero de Sergeo Hajdovskij. Antaŭ nelonge lin oni ekzilis al nordo. Kun la familio. Ankaŭ al Aleks Levandovskij, ĉu ne?

– Ĉesu, Fransin', – li streĉiĝis. – Tiuj provokaj kriaĉoj de la hispanaj SAT-anoj, de Azorin aparte, influas vin, sed vi ja nenion komprenas pri la situacio. En nia ŝtato neniu persekutas iun nur ĉar li estas anarkiisto aŭ aliopinianto. Se Levandovskij estis ekzilita, do nur pro tio, ke li certe meritis tion pro siaj agoj.

– Aŭdu, Dr-r-rezen, – la motoro sonis kolere. – Mi esperu, ke ankaŭ vi iam ricevos tion, kion vi meritas pro viaj agoj. Nun ni venu al la afero. Por kio vi vokis min?

– Trankviliĝu, – li elparolis pacige. – Ĉiu iam ricevos sian pagon... Jen estas mia demando: ĉu vi ŝatus viziti Parizon?

Francine embarasiĝis, sed respondis sen montri tion:

– Dependas. Kiucele?

– Mi proponas al vi oficvojaĝon, – li rigardis al ŝi streĉe. – Nelongan, por kelkaj tagoj – al via iama amiko.

– Al Eugène?! – ŝi ne plu kapablis kaŝi la embarasiĝon. – Por kio?

– Do. Vi portos al li kelkajn dokumentojn, niajn rimarkojn por la pro-

gram-projekto... sed ne tio plej gravas. Vi portos al li mian opinion... nian opinion, nian peton.

– Kies peton? – demandis Francine nur por gajni iom da tempo, por pretiĝi.

– La peton de SEU-estraro, – diris Drezen. – Vi ĉion komprenas.

– Apenaŭ, – murmuris Francine.

– Vi ja scias, ke fine venis la ŝtata aprobo pri okazigo de SAT-kongreso en Leningrado. Kaj vi ne povas ne kompreni, kiom gravan signifon havas tiu kongreso por disfloro de Esperanto en nia lando kaj ankaŭ ekstere. Pro tio mi dezirus, ke vi konfidence petu vian amikon lanĉi neniajn batalojn en tiu ĉi kongreso. Eĉ se li ne konsentas kun niaj korektoj kaj proponoj pri la programo de SAT, li ne metu traktadon pri tiuj en la kongresan programon. Entute. Ankaŭ pri sia kompreno de la sennaciismo li preferu silenti ĉi tie.

– Kial mi? – rapide demandis Francine.

– Ĉar min via amiko ne komprenas, – respondis Drezen. – Ne volas kompreni.

– Ne mirinde, – Francine ne povis deteni sin de tiu sarkasma rimarko.

– Nu-nu, – Drezen formovis la rigardon. – Mi povus, certe, peti pri tio iun alian. Ekzemple, nian poeton Nekrasov, ĉu ne? Ja li eĉ estas komisionano pri la programo. Sed mi opinias, ke via Eugène post interparolo kun li eĉ pli entuziasmos por batali kontraŭ mi. Tio estas, kontraŭ la politiko de nia ŝtato, kiun mi reprezentas. Kaj ĝuste tio estas evitinda, aliokaze la ĉefa rezulto de la kongreso por ni estos absoluta perdo de la ŝtata subteno.

– Mi komprenas tion, – diris Francine. – Povas aperi multaj aliaj kaŭzoj por ke vi perdu la ŝtatan subtenon.

– Nu, – Drezen turnis sin al ŝi, – ĉio povas okazi. Sed tio jam ne estas via afero. Nun respondu nur, ĉu vi konsentas?

– Mi veturos, – Francine rigardis lin esplore. – Kion pri mia ofico?

– Mi zorgos pri via liberigo por dek tagoj, inkluzive la vojon. Eventuale vi eĉ estos oficvojaĝigita de Komintern.

**Karavano de Londono al Leningrado**

*SAT-ano J.W.Sons, delegito de Lab. Esperanto-Klubo Londono, kun aprobo de la Komitato de BLES (Brita Ligo de Esperantistaj Socialistoj) aranĝas karavanon al la VI-a Kongreso de SAT Londono – Leningrado.*

*Ĉiuj, kiuj deziras partopreni, skribu senprokraste al: MACCLESFIELD st., LONDON W-1 (Anglio).*

***“Sennaciulo” № 43, 1926***

## 2.

*“ ... se ĉiuj junuloj el Bakbukio monaĥiĝus, se ĉiuj juninoj “edziniĝus kun Kristo”, tiam, post unu-du generacioj pereus la lando. Kiom komplika estas la vivo! Kiel malfacile estas difini al si sekvindan vojon! Ĉu monaĥiĝi? Ĉu soldatiĝi? Ĉu enfermiĝi inter altaj muroj aŭ vagadi tra vastaj regionoj, altaj montoj, grandaj urboj?..”*

***E.Lanti, “Fredo”***

Ili tagmanĝis en iu el la ĉarmaj etprezaj kafejetoj de la brua Latina kvartalo. La malaltaj prezoj ne signifis subnivelajn pladojn, ĉion servatan ĉi tie Francine opiniis ege bongusta: la ruĝa vino estis iom incite adstringa, la cepsupo memorigis pri la infanaĝo, ankaŭ la viandaĵo, la salato, la deserto – ĉio ŝajnis al ŝi kara kaj ŝatata dum la tuta vivo. Ne ŝi estis elektinta la kafejon, estis Eugène, kiu invitis ŝin ĉi tien. El tio ŝi konkludis, ke lia bonhavo nun ne estas tro brila, sed tio tute ne estis grava por ŝi.

– Mi ĝojas, ke vi venis, knabino, – diris li, kisante ŝiajn vangojn kun patreca tenero, kaj tio iom ofendis ŝin.
– Ĉu ankaŭ via nuna kunulino ĝojos? – ŝi demandis kun rideto.
– Preskaŭ edzino, – li respondis trankvile. – Jes, ankaŭ ŝi ĝojos. Ja vi venis Parizon ne speciale por logi min en iun hotelan liton, mi pensas.

Ŝi ekridis sincere kaj laŭte. Aĥ, tiu patreca tono nun eĉ plaĉis al ŝi! Entute, dum la tago kaj duono, kiujn Francine pasigis ĉi tie, ŝi trovis, ke la aprila Parizo estas... ĝi estas neripeteble admirinda! Parizo estis elradianta la liberon; ĉiu kaj ĉio elradiis la liberon ĉi tie. Libere fluis Sejno, portanta liberajn promenŝipetojn, kie libera turistaro gapis al la belaĵoj ambaŭborde. Libere ĉirpis la turdoj en la herbo de Elizeaj Kampoj. Libere tranĉis la aeron la fulmrapidaj hirundoj. Libere vagadis la juna studentaro, babilante, interkisante, ĝuante la vivon. Ankaŭ ŝi, Francine, ĉe la cepsupo de sia infanaĝo estis libera, samkiel ĉio, ĉirkaŭanta ŝin.

– Ne, ne, Eugène! – ŝi diris gaje. – Neniaj litoj! Foje konatigu min kun via edzino – ŝi devas esti agrabla virino laŭ mia kompreno, ĉu ne?
– Ankaŭ laŭ la mia, – Eugène kaŝis la rideton enbarbe. – Ŝi multe helpas min pri mia laboro. Kaj vidu, ŝi ne estas simpla maŝinskribisto, ŝia pensado estas tre prudenta, do ofte ŝi ĵetas utilajn ideojn...
– Ĝuste tian vi bezonas, – Francine palpebrumis al li, sed li akceptis la moketon sen ofendo.
– Ja jes, – li diris, – freŝaj ideoj utilas. Eĉ se ili venas el la ĉarma virina kapeto.
– Hm... mi ne spertas pri tio, – Francine ne perdis gajon en la voĉo. – Evidente, mia kapo estas multe pli simpla. Sed mi alportis dokumen-

tojn por vi. Drezen petis, ke vi studu.

– Aĥ, do vi venis komisiite! – Eugène imitis grandan disreviĝon. – Sed mi opiniis...

– Lasu viajn opiniojn, karulo, – diris Francine. – Ankaŭ mi nun estas aferema virino.

Nun ekridis Eugène. Ho, li misglutis, tusado ekskuis lian tutan korpon, kaj salivo malnobligis la barbon. Li kaptis glason kaj haste trinkis kelkajn glutojn. Francine klinis sin trans la tableton kaj viŝis lian barbon per tuketo.

– Kial tia emociiĝo, kara? – pepis ŝi scivoleme.

– Ne-e! .. – elparolis li ankoraŭ iom stertore. – Mi apenaŭ imagas… La eta Francine, la papilio Francine akiris aferemon! Ho, tiuj kruelaj rusoj!

– Do ĉesu jam, – Francine koleriĝis. – Ĉesu, Eugène. Seriozaj aferoj.

– Mi komprenas, kara, – Eugène reakiris la voĉon. – Mi komprenas, sed mi apenaŭ imagas! Ĉu mi konjektu, ke estas io, krom la dokumentoj?

– Via sagaco ĉiam ravis min, karulo, – diris Francine. – Io estas. Sed lige kun la dokumentoj.

– Ts-s! – Eugène tuŝis siajn lipojn per la montrofingro. – Silentiĝu, nenion diru! Mi mem provos diveni... Nia komuna konato... li antaŭvidas, ke al mi ne tre plaĉos liaj dokumentoj. Ho, li estas certa pri tio, sed li ne volas ion cedi! Aliokaze li estus komisiinta seriozan antaŭkongresan traktadon pri nia programo, mi emfazu, seriozan traktadon – al serioza persono. Eventuale, al mia amiko Demidjuk... aŭ ne, tiu nun okupiĝas pri eksplodaĵoj, do ne rajtas... tiuokaze – al Nikolao Nekrasov, ankaŭ li kapablas serioze diskuti. Sed...

– Kara, ĉu vi nepre intencas ofendi min? – en la okuloj de Francine aperis fajreto de kolero, kaj ŝi leviĝis de sur la seĝo. – Do mi ne plu restu ĉi tie.

– Ho, pardonu, mia knabino! – Eugène kelkfoje mansvingis, montrante, ke ŝi residiĝu. – Neniuokaze! Kiaj ofendoj inter ni?! Tamen diru, ĉu mi bone sekvas la logikon de Drezen? Ha? Li sendas ĝuste vin kiel admonanton, por ke mi ne faru skandalon en Leningrado, ĉu tiel?

Francine silente reokupis sian seĝon kaj prenis la pokalon.

– Nu? – ŝi diris, farinte gluton.

– Tamen vi videble rusiĝas, kara, – konstatis Eugène. – Ĉiuj rusoj emas diri «Nu?». Aŭdu do. Neniaj skandaloj. Mi ne venos en Leningradon. Eĉ pli – venos tien neniu skandalemulo. Via Drezen povas spiri trankvile.

– Li ne estas mia, – rikanis Francine. – Sed kiel do? La kongreso sen vi, sen aliaj SAT-gviduloj…

– Be, por propagandaj celoj la kongreso estos tute taŭga, – parolis Eugène dekomence trankvile, sed pli kaj pli flamiĝante. – Kial mi iru tien? Mi ne volas kaj ne povas intertrakti kun tiu persono tiel, kvazaŭ nenio misa okazas en Sovetio. Kvazaŭ la sorto de certaj SAT-anoj rusaj ne zorgigas min! Kvazaŭ mi ne vidas, kien iras tio, kio antaŭ jaroj estis objekto de niaj revoj kaj admiroj!

– Ŝajnas al mi, ke vi estas iom trofiera hodiaŭ, karulo, – diris Francine. – Kvazaŭ, sidante en tiu ĉi admirinda loko, vi komprenas la situacion en Sovetio pli bone ol tiuj, kiuj kuiriĝas ene de tiu kaldrono...

– Mi ne diris tion, knabino, – pacige elparolis Eugène. – Jes, mi ne estas tie, kaj mi ne ĉion komprenas. Ĝuste pro tio mi ne iru por skandali. Drezen volas esti reĝeto – li estu. En sia regno. Sed por traktado kun li tie estas taŭgaj personoj. Lucien Laurat konstante estas en Moskvo, Lerchner venos pli frue. Sed Laurat delonge sidas, kaj certe komprenas ĉion. Havante Eŭropon en la kapo kaj Sovetion en la okuloj, li kapablos trakti kontentige por ambaŭ flankoj, do sen definitiva rezulto. Sed oni protokolos, ke la intertraktado okazis, kaj ĉiuj fieros pri la kongreso.

– Danĝera persono vi estas, karulo... – Francine rigardis lin tra la vinruĝon en la pokalo. – Eble, samkiel Drezen. Ial mi bonŝancas kontakti danĝerulojn...

## 3.

*... Estas ja neeble ekscii tute certe, kiu el la diversaj sociologiaj kaj politikaj skoloj eldiras la veron. Eble, neniu la tutan. Sociologio estas ankoraŭ tre juna scienco. SAT-anoj devas serĉi kaj elekti sian propran vojon, t.e. mem decidi, al kiu partio aŭ tendenco ili aliĝos por batali kontraŭ la kapitalisma ekspluatado. Pri la ekzisto de tiu ekspluatado laboristoj nature ne povas dubi, ĉar ĉiutage ili spertas ĝin. Dubo povas okazi nur pri la rimedoj, pri la maniero, per kiuj ni povos facile kaj rapide emancipiĝi.*

***E.Lanti, La Laborista Esperantismo, SAT, Leipzig, 1928***

Mia kara Verinjo,

Mi sendas al vi mian brakumon, saluton kaj belan bildkarton el la urbo, kiun mi ŝatas treege. El Parizo, jes! Post kelkjara foresto, veninte tien ĉi, mi sentas… ho, mi ne priskribu al vi la eksplodon de miaj sentoj, mian ravitecon, ne eblas tion priskribi. Sed miaj ŝatataj kvartaloj kaj la tenerplenaj kafejetoj! Sed la odoro de freŝa foliaro! Sed la parizanoj – tiuj afablaj, senmalicaj, bonkoraj homoj! Mia iama amiko Eugène (vi memoras lin, certe) parolas pri la klasbatalo, pri la nepacigeble antagonismaj klasoj – la kapital-

istoj kaj la proletoj. Mi konsentas, ke ekzistas tiuj kaj tiuj, sed mi nun rimarkas nenian klasbatalon ĉi tie... eble, pro la rozkoloraj okulvitroj, kiujn metis sur mian nazon mia stulta infaneca raviĝo. Nu, mi diru al vi pli simple: mi deziras, ke foje ni venu ĉi tien kune. Mi montros tiam al vi ĉionĉion, kion mi ŝatas en Parizo. Ho, mi esperas, ke ni havos almenaŭ semajnon por kune promeni, kune trinki tiun bongustan vinon, kune frandi la fromaĝojn, kiujn vi verŝajne neniam gustumis. Pri ranaj gamboj, pri helikoj kaj pri aliaj marestaĵoj mi ne insistus, ĉar estas specifaj pladoj, sed mi kredas, ke ankaŭ tio plaĉos al vi.

Cetere, kara Vera, mi komprenas, ke nun vi havas tute aliajn agrablajn zorgojn. Mi scias, ke finaprile aŭ en la majkomenco devas aperi la bebo, kiun vi nun portas en via sino. Ĉu ne malfacilas la lastaj semajnoj por vi? Sciu do, ke mi tre envias! Kion ajn diru tiu aŭ alia «sendependa» virino, sed en la fundo de la animo ĉiu el ni volas patriniĝi: naski, karesi sian bebeton – mi ploretas, ĉar ankaŭ mi volas tion... Mia kara panjo diris al mi, ke dum la gravedeco ĉiu virino sentas ian ĝuon, nekompareblan kun ĉio ajn. Ke tuŝi la ventron, kiam tie ekmoviĝas propra bebo, estas la plej granda plezuro en la mondo... Sed mia aĝo ankoraŭ permesas iom diboĉi. Mi havos la ŝancon poste. Eble mi ne estus bona patrino, ĉar ŝajnas al mi, ke mian bebon mi akceptus, samkiel iam mi akceptis katidon. Kiam mi havis dek unu jarojn, mi trovis forĵetitan katidon surstrate – ĝi estis tiom kompatinda! Mi kunprenis ĝin hejmen, malgraŭ la protestoj de mia panjo, mi lavis ĝin, mi karesis ĝin, sed nur post tri aŭ kvar tagoj – imagu – ĝi tedis min, kaj mi ne sciis, kion fari pri ĝi! Bonŝance, najbarino konsentis loĝigi la katidon en sia hejmo. Mi ofte vizitis ĝin, jes! Sed mi ne plu sentis deziron havi ĝin ĉe mi. Mi supozas, ke la sama afero okazus, se mi estus naskinta bebon. La feliĉo forvaporiĝus post semajno, sed ja neniu najbarino prenus la bebon: ne estas katido!

Mi demandu vin, ĉu via Semjon (aŭ Slavik!?) helpas vin? Laŭ mia memoro, li estas familiema viro. Verŝajne, estas ia hereda tradicio, ĉar, miascie, ankaŭ lia familio (en Siberio, se mi ne eraras?) estis multinfana, kaj liaj patro kaj panjo prizorgis la hordon de duonsataj etuloj. Terure! Mi neniam povus paciĝi kun la realaĵo, ke miaj infanoj malsatas, kaj certe mi estus mortigonta min, – kvankam tio neniom helpus miajn infanojn. Sed tia mi estas, ĉu vi kredas, Verinjo?

Sed via Semjon! Mi ne dubas, ke li estas ege okupata nun. Por organizi sukcesan amasan kongreson, Drezen verŝajne mobilizis ĉiujn. Kaj ĉi-okaze li estas prava. La gastoj ne devas havi malbonan impreson pri Sovetunio. Eĉ se mi, vivanta en la lando dum kelkaj jaroj, vidas, ke ne ĉio estas en ordo, mi ne rajtas tuj ŝuti tion en la orelojn de niaj eksterlandaj gastoj. Se iu

prudenta homo estas mortmalsana kaj scias pri tio (kompatinda!), li ne nepre informu pri tio ĉiun, kiu vizitas lin. Estas mia persona opinio, kaj mi ne insistas, ke vi nepre estu samopinia, Vera!

Post kelkaj tagoj mi revenos en Moskvon. Ĉu mi bedaŭras pri tio? Konfidence mi konfesu al vi, ke mi bedaŭras. Mi ŝatus resti ĉi tie, en Parizo, kaj mi povus resti, ĉar mi estas civitanino de Francio. Sed mi devas reveni. Mi ne volas kaŭzi problemojn por mia bonkora ĉefo, kamarado Pjatnickij. Mi volas veni en mian etan loĝejon kaj senti min libera tie – en Parizo mi ne havas ja ian lokon por loĝi... Kaj ne malgravas, ke mi volas vidi vin! Nia renkontiĝo okazos baldaŭ, tre baldaŭ. Mi nepre venos en Leningradon por la kongresa tempo. Kaj eĉ se vi pro estimindaj kaŭzoj ne vizitos la kongresejon (ho, mi ne scias, kie ĝi estos...), certe mi sukcesos viziti vin kun miaj donacoj por via bebo, kiujn mi jam aĉetis en Parizo. Ne gravas, ĉu estos knabo aŭ knabino – miaj donacoj taŭgos ambaŭkaze.

Mi brakumas vin kaj kisas ambaŭ viajn vangojn, mia kara amikino! Salutu de mia nomo vian bravan edzon!

Via tutanime,

Francine

**La nova Kriminala Kodo kaj la punpolitiko**

*La Prezidio de la Centra Plenumkomitato de USSR ellaboris novan projekton de la Kriminala Kodo, kiu estas ekvalidonta en la plej baldaŭa tempo. La nova KK plenas je strebo redukti la reprezaliajn rimedojn. Ekzemple la ekstrema punrimedo – pafekzekuto, ĉeestanta en 49 artikoloj de la nun valida Kodo, estas forigita el 14 artikoloj. Ankaŭ daŭroj de malliberigo estas reduktitaj.*

*Speciale grava novigo estas ebleco lanĉi krimpersekuton kontraŭ personoj, prezentantaj danĝeron pro "sia ligiteco kun la krimmedio aŭ pro sia antaŭa agado".*

*Estas neniigita la diferenco inter atenco kaj preparo de krimago. Estas plilongigita la preskripta limtempo por kriminala persekuto. Estas enigita nova rimedo de la sociala defendo: "Deklaro de persono kiel malamiko de laboruloj kun senigo je la civitaneco de USSR kaj deviga ekzilo ekster la limojn de la Unio por ĉiam".*

***"Leningradskaja pravda", la 13-an de junio 1926, dimanĉo***

## Intermezo: 1926 – Leningrado. Drezen kaj Lerchner

***Saluton al la kamaradoj, venantaj al la VI-a Proletaria Esperanto-Kongreso – SAT!***

Internacia kongreso de esperantistoj en Leningrado

*Hodiaŭ en Leningradon alvenas por la 6-a internacia kongreso de proletaj esperantistoj ĉirkaŭ 60 delegitoj el Germanio, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Nederlando, Aŭstrio kaj Hispanio.*

*Sovetiaj esperantistoj organizos por la eksterlandaj delegitoj solenan renkonton. La kongreso malfermiĝos la 6-an de aŭgusto.*

*Saluton al kamaradoj-delegitoj de la VI-a internacia kongreso de proletaj esperantistoj!*

***"Leningradskaja pravda", la 3-an de aŭgusto 1926, mardo***

Matene je la sepa el la hotelo "Oktjabrskaja" apud Moskva stacidomo eliris du samideanoj, laŭaspekte satdormintaj. Efektive, ili dormis ĉi-nokte ĝissate post kelktaga streĉa laboro, do eliris en la novan matenon freŝaj, plenfortaj kaj bonhumoraj. Unu, mezalta rondvizaĝulo, estis la ĝenerala sekretario de CK SEU Ernest Drezen, la alia, iom pli aĝa kaj pli magra – la ĉefreprezentanto de SAT, germano Richard Lerchner. Ambaŭ venis Leningradon antaŭ kelkaj tagoj por partopreni la vican kongreson de SEU, sed unuavice por kontroli kaj gvidi la lastajn preparlaborojn por la Sesa Kongreso de SAT.

Komencaŭguste, monaton post la pinto de la "blankanokta" sezono, la suno tamen restis ankoraŭ fruleviĝema kaj nun lumigis-varmigis la urbon de sur digna alto, promesante perfektan veteron dum la tago. En tiu ĉi matena tempo la Placo de l' Ribelo ordinare estis tohuvabohua, preskaŭ foira: la fluo de pasaĝeroj el kvin trajnoj, alvenantaj el Moskvo inter la sepa kaj la oka, rapidis el la stacidomo kaj kirliĝis kun la amaso de leningradanoj, rapidantaj al siaj laborlokoj. Grincis kaj klakis tramoj. Interkriadis portistoj kaj ĉaristoj. Butikistoj, vendantaj florojn, glaciaĵojn, gazetaron kaj gasakvon ĉe la stacidomo, alvokis aĉetantojn. El ioma foro, de Obvodnij-kanalo aŭdiĝis alvokaj ekmuĝoj de kelkaj granduzinoj. La eksa ĉefurbo, ne perdinta tamen sian gravecon, vigle komencis novan normalan labortagon.

Ene de la amaso la du elirintoj direktis sin al Ligovskij-avenuo, por preni tramon ĝis Obvodnij, sed Lerchner proponis atingi Varsovian stacidomon piede – duonhora promeno anstataŭu la matenan gimnastikon, li diris. Drezen konsentis. Preterirante gazetbutikon ĉe la stacidomo, li aĉetis freŝan tagĵurnalon, rigardis la unuan paĝon kaj fiere montris ĝin al la kuniranto.

– Vidu, Richard, – li diris verve, – neniam antaŭe okazis tio! Neniam kaj nenie! Ĉu vi konsentas? La ĉefa grandurba tagĵurnalo lokas en la frontpaĝo saluton por esperantistoj! Grandlitere! Nu, ni rigardu la trian paĝon… jen vidu: Anguleto de la esperantistoj. Novaĵoj – en nia

lingvo, imagu, Richard!

La kvardekjarulo Lerchner movis la brovojn skeptike.

– Jes, Ernest, estas bona atingo, – diris li penseme. – Sed kion ĝi atestas? Inter ni mi diru: nuntempe – nur deziron de la diktatoreca ŝtato iom subteni sian falantan aŭtoritaton almenaŭ per apogo de la diverslanda esperantista proletaro.

– Fi! – paŭtis Drezen. – Denove vi malbonigas mian humoron tuj ekde la mateno. Richard! Vi, komunisto, kiu ne la unuan fojon venas Sovetion, certe devas scii, ke nenia diktatoreco estas ĉe ni, krom la oficiale proklamita diktaturo de la proletaro! Kaj estas vi, kiu parolas pri la diktatoreca ŝtato!

– Kara, ĉu io povas malbonigi la humoron en tia bela mateno?! – rebatis Lerchner. – Mi nur konstatas la fakton, evidentan fakton. Ankaŭ vi estas komunisto, eĉ pli – civitano de tiu ĉi ŝtato; ĉu vi ne rimarkas la ŝanĝojn, okazintajn dum la lastaj jaroj? Legu do la aliajn paĝojn de la sama ĵurnalo – vi ĉion trovos tuj! Kaj la ferocan batalon por la rego en la supro! Kaj la palavradon pri ebleco konstrui socialismon en unu aparta ŝtato, kio per si mem estas perfido de la monda proletaro! Kaj harhirtigajn informojn pri la nova kriminala kodo – ho, vi vidos poste, ke ĝia ekfunkcio ebligos ĉiun ajn deklari ”malamiko de la popolo”. Ĉiun ajn, Ernest, imagu nur!

– Nu, ne troigu, samideano, – diris Drezen pli pactone. – Ne ĉiun ajn, sed nur realajn kulpulojn; ĉu vi dubas pri honesteco de la proleta juĝistaro? Kaj pri la ĵurnalo: vi emfazas certajn ŝanĝojn, sed mi emfazu la aliajn. Vi ne povas nei okulfrapajn atingojn de la ŝtato, kiu rapide leviĝas el la ruinoj de la intercivitana milito. Rigardu ĉirkaŭ vi: jen la homoj rapidas. Kien? Al siaj laborlokoj. Do volu konkludi, ke la uzinoj kaj fabrikoj funkcias. Ili funkcias, Richard, sed nur antaŭ kvin jaroj ĉio staris senmova ĉi tie! Ankaŭ koncerne la batalon por la rego mi respondu al vi. Mi opinias, ke ĉiu movado devas havi fortan gvidanton. Unu gvidanton, kiu respondecu pri ĉio. En okazo de la tuta granda lando – eĉ gvidulon. Ne ĉiuj komprenas, kaj sendube ne ĉiuj ŝatas tion. Multaj volus kungvidi, multaj ŝatus diskuti anstataŭ labori. Sed tio ja nur malhelpas la bonan evoluon...

– Ernest! – intervene eksklamaciis Lerchner. – Ĉu vi ne rimarkas, ke nun vi mem parolas pri diktatoreco? Ne pri la proleta diktaturo, sed pri diktaturo de unu persono. Kie do la demokratio?

– Ĉu demokratio? Ne eblas plena demokratio en la nuna epoko, amiko. Ne eblas, – konvinkite rediris Drezen, – ĉar, unue, Sovetio estas ĉirkaŭita de faŝistaj landoj; ankaŭ la tiel nomataj demokratioj de Ok-

cidenta Eŭropo malamas nin. Kaj due...

– Mi scias, – rapide intervenis Lerchner. – Tuj vi prezentos la plej gravan tezon de via gvidoro. Pri fortiĝo de la interna klasbatalo ĉe evidentaj atingoj de la socialisma konstruado...

– Ĝuste tion, – konfirmis Drezen.

Ili venis al la kanalo, transiris la ponton kaj turnis dekstren, ekpaŝinte laŭ la kajo. La akvo en Obvodnij-kanalo estis malhele griza, plumba, ĉar la sunon super ĝi vualis fabrikaj fumtuboj, elsputante grizajn, rufajn kaj nigrablankajn fumojn. Ne plu malhelpis ilin la homamaso; la homoj jam disiris al siaj laborlokoj, do ili estis solaj sur la kajo. Ambaŭ paŝis senvorte, poste Lerchner rompis la silenton.

– Ĉu vi havas imagon, – li diris, – kiuj klasoj enlande povas esti konsiderinde danĝeraj rivaloj por la proleta diktaturo? Ĉiujn eksajn nobelojn vi parte ekstermis, parte forpelis el la lando. Ĉiujn konkurencajn partiojn vi jam forsarkis preskaŭ ĝisradike. Restis do nur du parencaj proletaj klasoj – laboristoj kaj kamparanoj. Plus la intelektularo, kiun vi ne opinias aparta klaso, – inĝenieroj, sciencistoj, artistoj kotopo. Kontraŭ kiuj la ŝtato intencas batali?

– Ha-ha-ha! – Drezen ekridis. – Jen tipe germana opinio! Strikta ordo: la malamikoj for, la restintoj sekve estas absolute fidindaj homoj. Ne, kara! Kaŝitaj malamikoj restas ĉie! Nun inter la laboristoj oni trovas iamajn burĝojn, ekleziulojn aŭ nobelojn. En vilaĝoj kristaliĝis la riĉuloj – kulakoj, kiuj ekspluatas dungitajn kamparanojn. Des pli en la vicoj de intelektuloj jen kaj jen riveliĝas personoj, kiuj ĝis nun ne akceptis la novan ordon. Okupante altajn postenojn, ili povas grave malhelpi per intencaj misagoj, per kontraŭrevolucia agitado aŭ per simpla sabotado.

– Laŭ tia logiko ankaŭ inter la esperantistoj povas esti kaŝitaj malamikoj de la ŝtato, ĉu tiel? – demandis Lerchner.

– Kial ne? – tuj respondis Drezen. – Ekster la movado ili ja pasigas pli da tempo ol ene, kaj ni ne povas scii, kion ili faras...

– Nun mi komprenas, – diris Lerchner. – Vi volas esti la sola gvidulo de esperantistoj en Sovetio. Almenaŭ en Sovetio. Por tio, unue, vi devas konstrui la landan organizon, preninte kiel modelon la sovetan ŝtatsistemon. Por tio, due, vi devas ankaŭ elsarki ĉiujn eblajn rivalojn, proklamante ilin malamikoj – tute bona rimedo, ĉu ne? Kaj laste – por tio vi devas subigi la volon de la restintaj membroj ĝis absoluta obeemo. Ĉu tiel?

– Alie ne eblas, Richard! Mi jam provis klarigi al vi, ke ni vivas en maltrankvila epoko, – Drezen levis la montrofingron emfaze. – Kio do es-

tas la plej grava nun? La disciplino, fera disciplino. Se al kelkiuj ne plaĉas tio, se anstataŭ disciplina laboro ili elektas anarkion kaj malordon, ili iru sian vojon, sed – ekster SEU.

– Sed tiamaniere vi kreos la organizaĵon por malliberaj homoj, preskaŭ sklavoj! – ne povis sin deteni Lerchner.

– Tamen kiel marksisto vi estas ankoraŭ ne ĝisfunde kleriĝinta, Richard, – Drezen rigardis lin kun mokrideto. – Pri kio la marksisma filozofio instruas nin? – Ke libero estas konsciata neceso. Do estu ni kapablaj konscii, ke la nuna situacio postulas ĝuste tian agadon. Elektinte alian vojon, ni jam ne ekzistus ĉi tie.

– Ho! – diris Lerchner konsternite. – Sur tiaspeca bazo vi, estimata scienculo, aŭtoro de multaj esploroj, utilaj por nia movado... vi, malgraŭ via estimata nomo, malgraŭ via aŭtoritato, konsciante certan neceson, ne hontos mergiĝi en fiajn intrigojn, denunci, perfidi – ĉu tiel?

– Mi ne emas plu diskuti kun vi, kara Richard, – en la voĉo de Drezen eksonis metalo. – Ĉio, kion mi faras, estas farata nur por bono kaj por disfloro de nia afero. Eble, vi jam aŭdis la rusan proverbon: ”Kokidojn oni kalkulu aŭtune”. Do nun ni renkontu la gastaron kaj faru ĉion, kion ni planis. Pasos kelkaj tagoj, kaj tiam eĉ blinduloj vidos, ke nia kongreso manifestas triumfon de la movado, la triumfon de Esperanto.

– Mi bedaŭras, ke mi ne sukcesis konvinki vin, Ernest, – diris Lerchner kun amaro. – Ĉia diktaturo enhavas grandan danĝeron kaj povas kaŭzi grandan plagon. Eĉ pli doloran post tiu ĉi kelktaga triumfo. Tamen, se hodiaŭ okazas triumfo, ni ne malĝoju almenaŭ hodiaŭ. Kaj ni provu ne prezenti nian polemikon al la venantaj kongresanoj.

*... La unuiĝo SAT estas la unua internacia organizaĵo de esperantistoj, personoj, ellernintaj kaj uzantaj la internacian lingvon, kiu havas kiel celon de sia laboro ne la lingvon mem kiel tian, sed ĝian praktikan uzadon por interesoj de sia klaso. La tasko de la unuiĝo SEU en la internacia areno estas ĉiurimeda subteno de SAT kaj konforma organiza influo al la maldekstraj komunistaj elementoj de SAT, cele al pliklarigo kiel de la plej proksimaj taskoj, tiel ankaŭ de la labormetodoj de SAT.*

***E.Drezen, “Meĵdunarodnij jazik” №№ 20-22, 1926***

*Mikaelo Povorin*
*(Moskvo)*

# KANTOJ



## Heliko sur mia manplato

Heliko sur mia manplato –
Ne muŝ', ne skarabo, ne blato.
Ĝi milde tremetas,
Forlasi ĝin petas:
Pro timo, aŭ ĉu pro malsato?
  Samkiel apude sur muro,
  Surhaŭte jen glita mukspuro.
  La manon ĝi tiklas,
  Ĝi tute ne viglas.
  Jen tia kreaĵ' de l' naturo.
Post pluv' en tendar' ĉio novas,
Helikoj sin ĉie elmovas.
Sed stri' de asfalto
Ne helpas al salto:
Ĝin ili transrampi nur povas.
  Ĉi loko ja ege danĝeras:
  Jen homo paŝanta aperas.
  Nur krako malforta –
  Helik' estas morta.
  Sed li sen rimarki preteras.

Mi estas nun tre gajhumora.
Min kaptas savemo bonkora.
Besteto fragila,
Jen loko azila
De l' paŝoj minacaj pli fora.
  Ni tiom helikojn similas…
  Ni ofte kunvenas, babilas.
  Ni sidas, ni multas,
  Ni ĉiuj aŭskultas,
  Ne hastas kaj ne maltrankvilas.
Kaj kiel heliko sur pado
Tre lantas la verda movado.
Ni ofte naivas,
Ni pigras, pasivas,
Nin bremsas kverela debato.
  Ĉu iu potenco supera
  Kun sama helpemo sincera
  Per movo amika
  De mano fortika
  Nin portos al cel' nia vera?

*05-06.07.2008, Tarĥankut*

♩= 135
D Em A7
He - li - ko sur mi - a man - pla - to, ne muŝ', ne ska-ra-bo, ne
D H7 Em
bla-to. Ĝi mil - de tre - me - tas, for - la - si ĝin pe - tas: pro
F♯7 G F♯7 Hm A7
ti-mo, aŭ ĉu pro mal - sa-to, pro ti-mo, aŭ ĉu pro mal - sa-to? -

# Kokcinelo en maro

Kokcinelo en maro –
Nekutima afero.
Kia sorta misfaro
Portis ĝin for de l’ tero?
Kompatinda makula rondet’
Jam neniun atendas kun pet’,
Nur senpove ĝi flosas kun pret’
Al pere’ en sufero.

Mi ĝin bone komprenas:
Ja mi same baraktas,
Al tendaroj mi venas,
Samajn homojn kontaktas.
Ripozejo en pina arbar’,
Apud lag’ aŭ ĉe bordo de mar’,
Sonas ĉiuvespere gitar’ –
Ĉio same ekzaktas.

Min enlgutis jam plene
Tiu marĉo de verdo.
Oni diras ĉagrene:
“Estas ĝi vivoperdo!
La ĉasado al fora ĥimer’
Ne utilas por la karier’.
Plie gravas alio sur ter’.
Tion pruvas la sperto.”

Vin, insekto dronanta,
Savi certe mi devas.
En ondado konstanta
Vi pri help’ jam ne revas.
Unubrake remante al bord’,
Anhelante kaj preskaŭ sen fort’,
El la sala brakumo de mort’
La etulon mi levas.

Sed mi mem restas daŭre
En la rondo kutima.
Iras mi senbedaŭre
Pro inklino anima
Malgraŭ moko kaj stulta admon’,
Malgraŭ manko de tempo kaj mon’
Sen hezito kaj longa rezon’
Laŭ la voj’ senpavima…

*aŭgusto 2011, Betta*

♩= 145
Dm E7 A7 Dm
Kok - ci-ne-lo en maro: ne - ku - ti-ma a - fe-ro.
D7 Gm C F
Ki - a sor-ta mis - fa-ro por - tis ĝin for de l' te-ro? Kom-pa-
Cm D7 Gm C F
tin-da ma-ku-la ron - det' jam ne - ni-un a - ten-das kun pet', nur sen-
B Gm A7 B A7
po - ve ĝi flo - sas kun pret' al pe-re' en su - fe-ro.

# Burdo sur fenestro

Suna vetero. Freŝa aero.
Ĝuu la vivon, foriru ĉagren'!
Gaja humoro, flora odoro
Regas en loko de nia kunven'.
Kaj la disiĝa tag' ne baldaŭ dumas.
Sed jen, rigardu: kio tie zumas?
Grandega burdo sur fenestro umas,
Liberon trovi strebas ĝi kun pen'.

Verda herbaro, dolĉa nektaro
Tute apudas, sed mankas raci',
Kaj la insekto sub mia spekto
Ĝene baraktas en plena nesci'
Pri tiu firma baro diafana,
Faranta ĝian penon tute vana.
Frapadas ĝi la vitron, vigla, sana,
Senhelpa, kiel fiŝo sur glaci'.

Savo proksimas, tamen mi timas
Tuŝi la burdon pro pika dolor'.
Estas danĝere! Eble prefere
Vojon memstare ĝi trovu al flor'.
Se Dio al la burdo cerbon donus,
Ĝi saĝe, bonrezulte jam rezonus,
Ke flugi tra la pordo ja pli bonus,
La burdo jam delonge estus for.

Samideanoj, en niaj manoj
Estas ŝlosilo por estonta viv'.
En nia koro multas fervoro,
Bona intenco kaj pozitiv'.
En rondo diskutante ni kunsidas,
Sed en diskutoj ardaj ni ne vidas,
Ke rekta voj' ne ĉiam pli proksimas,
Ekzistas certe ja alternativ'.

*20-23.07.2015, ripozejo "Surskije zori" (RET) – Moskvo*

♩ = 145
Gm6 G♯dim A7 Dm Dm
Su-na ve-te-ro. Fre-ŝa a-e-ro.
B Gm C
Ĝu-u la vi-von, for - i - ru ĉag-ren'! Ga-ja hu-mo-ro,
E7 A7 Dm
flo-ra o-do-ro re-gas en lo - ko de ni - a kun ven'. Kaj
D7 Gm C
la di - si - ĝa tag' ne bal-daŭ - dumas. Sed jen, ri-gardu: ki-o ti-e
F B Gm
zu-mas? Gran - de - ga bur-do sur fe-nes-tro u-mas, li -
A7 Gm6 G♯dim A7 Dm Gm6 G♯dim A7 Dm
be-ron tro - vi stre-bas ĝi kun pen'.

# JUĜPROCESO EN KAZANJ




La 26-an de junio en la ĉefurbo de Tatario Kazanj oni senaverte kaj senpridiskute renomis la straton Esperanto al la nomo de la prezidento de Kazaĥio N.Nazarbajev. Dum unu nokto estis ŝanĝitaj la ŝildoj kun nomo de la strato. La loĝantaro de la strato (4600 personoj), esperantistoj, ĵurnalistoj, aliaj aktivuloj de sociaj organizoj estis konsternitaj, okazis mitingoj, aperis dekoj da artikoloj en loka gazetaro, la informo penetris Interreton. Dum unu el mitingoj oni monpunis 2 personojn je 10000 rubloj kaj unu virino, havanta du infanojn, ricevis 20 tagojn da punlaboroj. Tri iniciataj grupoj ekprocesis kontraŭ la urba plenumkomitato, kiu akceptis la decidon. La 12-an de aŭgusto en Vaĥitovskij juĝejo okazis juĝproceso, kiun partoprenis ĉ. 40 personoj: loĝantoj de la strato, esperantistoj, ĵurnalistoj, juristoj, neindiferentaj homoj. La proceso daŭris 3 horojn. La juĝo ne kontentigis la plendojn.

La 14-an de aŭgusto okazis en la urbodomo (laŭ anticipa leterpeto de kazana aktivularo) renkontiĝo de la Prezidanto de REU S.Smetanina kun vicurbestrino s-ino L.N.Andrejeva, kiu samtempe estras la toponimian komisionon. De la urbestrara flanko renkontiĝon partoprenis 6 personoj: deputito, historiisto, 3 anoj de la toponimia komisiono. De nia flanko ankaŭ estis 6 personoj: 2 esperantistoj, juristo, reprezentantoj de sociaj organizoj kaj de la strato. Dum la konversacio estis forte akcentite, ke ĉio estis farita laŭ bezonataj proceduroj. La plej ĉefa eksklamacio sonis jene: “Ni ne atendis tiom fortan resonancon!” La akraj kaj iom negativaj eldiroj de ambaŭ flankoj finfine transformiĝis al paca konversacio kaj serĉado de vojoj por restarigi historian justecon. La urba estraro alte aprezis mian venon kaj partoprenon en la afero. Tamen, laŭ oni, la decidon de la juĝo nuligi ne eblas. Ni adiaŭis kun la estraranoj en atmosfero de paco kaj preskaŭa kontento, sed la batalo daŭros.

Kio estas admirinda? Arda aktivado de loĝantaro kaj esperantistaro, deziro revenigi la nomon ĝuste al tiu ĉi strato, preteco de lokaj juristoj kaj aliaj homoj helpi kaj resti kun esperantistoj ĝis la pozitiva rezulto. Plifortiĝis loka E-Asocio, kien venas novaj membroj. Al la juĝafero aliĝis fama moskva advokato, doktoro pri juraj sciencoj, profesoro Gennadij Ŝilo.




***Svetlana Smetanina***
***(Moskvo)***

